

# KONTAKTO

ISSN 0023-3692

NUMERO 207 (2005:3)

# civilizacioj

Ĉu virinoj kreis civilizaciojn?
Hipatia: dufoje mortigita
Unu kontraŭ... la imperio?
En la ombro de la majaoj kaj aztekoj
Ĉinaj dinastioj
Vesperta ĉefurbo de la mondo

foto: Jarrod Amis

Malsekegaj kaj feliĉaj – tiel aspektis la redaktoroj kaptitaj de subtropika pluvego sur la plaĝo for de la domo!

Saluton!

La temo de la nuna numero estas CIVILIZACIOJ, pli precize – forgesitaj (aŭ ne sufiĉe konataj) civilizacioj kaj la homoj, kiuj kontribuis al ili. Malfermas tiun ĉi numeron artikolo de Behrouz Soroushian (p. 3-4), kiu rakontas pri la rolo de virinoj en la kreo kaj disvolvado de civilizacioj – ja dum jarcentoj historio estis skribita de viroj, kaj la nomoj de multaj elstaraj virinoj estis (intence?) ellasitaj...

Daŭrigas tiun ĉi temon Olivier Gaudefroy – li rakontas pri la plej elstara sciencisto – matematikisto, astronomo kaj filozofo de ŝia tempo – Hipatia. Ŝi ne nur superis ĉiujn aliajn siatempajn sciencistojn kaj filozofojn, sed ankaŭ kritikis la registaron, pro kio ŝi devis pagi tro multe... Legu pli sur p. 5.

Ĉu unu homo povas kontraŭstari la plej grandan imperion de sia tempo? Jes! Eble eĉ pli surprizos vin, ke tiu, kiu havis kuraĝon tion fari, estis virino! Per la artikolo pri Zenobia, Olivier daŭrigas la rakonton pri la elstaraj virinoj de la antikvaj tempoj (p. 6).

La indiĝenaj popoloj de Nord-Ameriko ne kreis grandajn civilizaciojn, kiel la majaoj kaj aztekoj, tamen ankaŭ iliaj kulturoj estas ege interesaj, riĉaj kaj indaj por ekkoni – legu pri ili en la artikolo de Simon László, Rumanio (p. 7-9). Koran dankon al Haruo Ross pro la konsiloj en la preparado de tiu ĉi materialo!

De Nord-Ameriko ni saltos al Ĉinio – ja parolante pri civilizacioj ne eblas preteratenti la landon, kiu donacis al la mondo tiom da inventaĵoj, kiuj progresigis la civilizaciojn! Sur la p. 10-11 Zheng Xiang rakontas pri la ĉinaj dinastioj.

Kial iuj slavaj landoj uzas la latinan alfabeton kaj estas katolikaj, dum aliaj uzas la cirilan alfabeton kaj estas ortodoksaj?.. Trovu la respondon al tiu ĉi kaj multaj aliaj demandoj en la artikolo de Marek Blahuš kaj Dáša Chvátalová (p. 12).

Atendas vin en ĉi tiu bunta numero ankaŭ aliaj artikoloj – pri la kialoj de la Troja milito, pri la Tutmonda Memortago pri Mortintoj pro Aidoso, recenzo, polemika rubriko "Opinie" kaj ankaŭ raporto pri aŭstinaj vespertoj!

Agrablan legadon!

*Ĵenja*

# <ENHAVO>



## Temoj de la venontaj numeroj de *Kontakto*:

- 2005:4. TERORISMO.
- 2005:5. POLITIKO. Limdato: la 10-a de septembro.
- 2005:6. FESTOJ. Limdato: la 10-a de oktobro.

Ĉiuj viaj artikoloj, ideoj, konsiloj, rimarkoj estas pli ol bonvenegaj kaj tre bezonataj! Kontaktu la redakcion laŭ la nova adreso: Kontakto, 16800 Phillips Rd. Alpharetta, GA 30004 Usono; ret-adreso: <kontakto@tejo.org>. Se vi sendis ion al la malnova adreso, ne timu, via letero ĉiukaze atingos la redakcion, simple kun ioma malfruo.

## Abonkotizo por *Kontakto* por la jaro 2005

| Lando/valuto | Kto | Islando/eŭro | 20 |
|---|---|---|---|
| Argentino/eŭro | 10 | Israelo/eŭro | 16 |
| Aŭstralio/dolaro | 34 | Italio/eŭro | 21 |
| Aŭstrio/eŭro | 21 | Japanio/eno | 2600 |
| Belgio/eŭro | 21 | Kanado/dolaro | 31 |
| Brazilo/eŭro | 10 | Malto/eŭro | 14 |
| Britio/pundo | 14 | Nederlando/eŭro | 21 |
| Bulgario/eŭro | 10 | Norvegio/krono | 165 |
| Ĉeĥio/krono | 460 | Nov-Zelando/dolaro | 39 |
| Danio/krono | 155 | Pollando/eŭro | 11 |
| Finnlando/eŭro | 21 | Portugalio/eŭro | 21 |
| Francio/eŭro | 21 | Rusio/eŭro | 10 |
| Germanio/eŭro | 21 | Slovakio/krono | 550 |
| Greklando/eŭro | 21 | Svedio/krono | 190 |
| Hispanio/eŭro | 21 | Svislando/franko | 31 |
| Hungario/forinto | 3500 | Usono/dolaro | 22 |
| Irlando/eŭro | 21 | TARIFO A/eŭro | 13 |

TARIFO B/eŭro 10

ALIAJ LANDOJ: Luksemburgio laŭ Belgio; San-Marino laŭ Italio; Kipro laŭ Malto; Liĥtenŝtejno laŭ Svislando; Estonio, Latvio, Litovio kaj Slovenio laŭ Pollando.
TARIFO A: Honkongo, Korea Respubliko, Singapuro, Sud-Afriko, Tajvano.
TARIFO B: Ĉiuj ceteraj landoj ne jam menciitaj.

**Kiel sendi kontribuojn al *Kontakto*?**

- ✔ sendu prefere tekston originale verkitan en Esperanto aŭ foton/bildon memfaritan
- ✔ se vi sendas tradukon, bv. indiki la originajn fontojn, lingvon kaj aŭtoron. Ĉe fabelo indiku, ĉu ĝi estas popola (kaj de kiu popolo) aŭ verkita de vi
- ✔ *Kontakto* ne estas movada revuo, do *ne sendu al ĝi primovadajn raportojn!*
- ✔ indiku, ĉu via artikolo jam aperis, aŭ estas proponata al alia revuo
- ✔ fotoj devas esti bonkvalitaj, ne gravas ĉu nigrablankaj, ĉu koloraj. Ne forgesu aldoni la nomon de la artisto aŭ de la fotinto!
- ✔ dikajn kovertojn prefere sendu registritaj
- ✔ rete bv. sendi vian artikolon kiel kutiman retmesaĝon aŭ RTF (bv. uzi x-kodigon por supersignaj literoj); bildojn – kiel JPEG (150-300 dpi)
- ✔ ilustraĵoj kaj adresoj en la Interreto, kiuj rilatas al via temo, estas tre bonvenaj! **Koran antaŭdankon!**


***Kontakto***: Dumonata socikultura revuo de **Tutmonda Esperantista Junulara Organizo** (TEJO), eldonata de **Universala Esperanto-Asocio** (UEA). **Fondita** en 1963. **N-ro 207** (2005:3), 42-a jarkolekto. **ISSN** 0023-3692. **Legata** en ĉ. 90 landoj. **TTT-paĝo:** <http://www.tejo.org/eldonoj.jsp>. **Eldonanto** (administrado, abonoj, anoncoj): **UEA:** ✉ Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; tel.: +31 10 436 10 44, fakso: +31 10 436 17 51; ret-adreso: <uea@inter.nl.net>. **Redakcio:** *Kontakto,* 16800 Phillips Rd. Alpharetta, GA 30004 Usono; ret-adreso: <kontakto@tejo.org>. **Redaktoro:** Eugenia Amis (Ukrainio/Usono). **Vic-redaktoro:** Joel Amis (Usono). **Ĉef-korektisto:** Paŭlo Moĵajev (Ukrainio). **Presado:** Skonpres, Bydgoszcz (Pollando), ret-adreso: <skonpres@poczta.onet.pl>. **Konstantaj kunlaborantoj:** Joel Amis (Usono), Tatjana Auderskaja (Ukrainio), Giancarlo Baraldi (Italio), Morteza Mirbaghian (Irano), Paŭlo Moĵajev (Ukrainio), Saliko, (Finnlando), Behrouz Soroushian (Irano/Francio). **Facillingvaj artikoloj** estas verkitaj en la niveloj t*re facila* kaj *facila,* laŭ la vortolisto de *Kontakto*. Tiu listo aperas kun la unua numero ĉiujare. **Anonctarifo:** Tutpaĝa 350 EUR, 1/2-paĝa 190 EUR, 1/4-paĝa 100 EUR, 1/8-paĝa 55 EUR, 1/16-paĝa 30 EUR. Anoncoj sur kovrilpaĝoj kostas duoble. Por E-organizaĵoj 50% da rabato. Varbantoj de ekstermovadaj anoncoj ricevas makleraĵon de 30 %. Por anoncoj bv. kontakti UEA. **Anoncetoj:** por *Anonctabulo* kostas tri internaciajn respondkuponojn por dek vortoj. Bv. sendi rekte al la redakcio aŭ al UEA. **Abontarifo:** varias laŭlande. Petu informojn de UEA. **Malfortvidantoj:** povas ricevi voĉlegitan eldonon senpage. Sendu du 60-minutajn kasedojn al Elise Lauwen, Fort Alexanderstraat 16, NL-5241 XG Rosmalen, Nederlando. ***Kontakto* en radioj:** Regiono / tempo (UTC) / metroj / frekvencoj (kHz)): *Radio Havano (Kubo)* Okcidenta kaj Norda Ameriko kaj Pacifika Azio/ 7:00/31/9 820; Tuta Ameriko kaj Karibio / 15:00, 23:30/25/11 760; Eŭropo Mediteranea/ 19:30, 22.00/21/13 715; <http://216.138.240.229/rc4> (je la 15a horo UTC), <http://roi.orf.at/esperanto/es_demand.html> (laŭ mendo tra la servilo de Austria Radio Internacia). *Pola Radio:* elsendoj:13:30/41,23/7 275; ripetoj: 18:00/42.07/7 130; 20:00 kaj 9:30 sekvan tagon (nur per satelito). La satelita ricevo eblas per: Eutelsat II F – 6 – Hot Bird – 13 gradoj de la orienta latitudo; frekvenco 11,474 GHz, polarizado horizontala (H); subportanto 7,38 MHz. <http://www.wrn.org/ondemand/poland.html>, <http://www.radio.com.pl/polonia/esperanto_eo.asp>, <http://start.at/retradio>


***La redakcio kaj la eldonanto ne respondecas pri la opinioj de unuopaj aŭtoroj.***

# Vir*ina* civilizacio?



*Behrouz* SOROUSHIAN, *Irano/Svedio*

**Ĉu virinoj ludis ian rolon en la kreado kaj progreso de la civilizacio? Tralegante historiajn librojn, oni trovas nur malmultajn menciojn pri virinoj: la plejparto de sciencistoj, inventintoj, artistoj, filozofoj kaj aliaj intelektuloj, kies nomoj estas konservitaj en historiaj tekstoj, estis viroj. Oni kutimas lerni ankaŭ, ke ĝuste dank' al viroj progresis la socio, kaj ke virinoj estas konsiderataj elstaraj nur pro tio, ke ili estis patrino, fratino, edzino aŭ filino de iu grava viro… Kaj tio ne estas stranga. Tra la historio, kiu estas ĉefe skribita de viroj mem, ili ĉiam postulis, ke virinoj restu hejme, nasku bebojn kaj kaŝu sin de rigardoj de la aliuloj. Sed eĉ malgraŭ ĉio ĉi ni tamen trovas spurojn, kiuj indikas kontribuojn de virinoj al la formado kaj progreso de la civilizacio, iliajn kapablojn, viglecon kaj kreemon!**

## Ĉu viroj kreis filozofion?

Hodiaŭ oni kutimas rutine instrui, ke la historio de filozofio komenciĝis de Pitagoro kaj draste antaŭeniris kun Sokrato. Eĉ se ni forgesus Makrina-n, kiu en 400 p.K. brile provis kunligi la praan helenan filozofion kun la kristanaj instruoj, aŭ Areteon de Cireno (nun en Libio) kiu en lernejo gvidata de ŝi mem dum pli ol 30 jaroj pensadis pri la natura kaj morala filozofioj, verkis pli ol 40 librojn kaj instruis al ĉirkaŭ 110 filozofoj – kiel ni povus ne konsideri Temistoklon, kiu estis la granda pastrino de la templo en Delfo, kaj ŝiaj instruoj sendube influis ideojn de Pitagoro? Ankaŭ surbaze de kio ni povus konsideri Diotima-n de Mantinea nur kiel imagitinon, dum Platono nomis ŝin "Mentoro de Sokrato"?..

## Virinoj en la scienco

En enketo farita antaŭ kelkaj jaroj oni petis bazlernejajn gelernantojn desegni iun scienciston. La rezultoj estis frapaj: 820 knabinoj kaj 699 knaboj desegnis virajn sciencistojn, kaj nur 129 knabinoj kaj 6 knaboj desegnis inajn sciencistojn (*D. C. Fort kaj H. L. Varney, How students see scientists: Mostly male, mostly white, and mostly benevolent. Science and Children, 26(8), 8-13*). Sed ĉu en la antikvaj tempoj ankaŭ virinoj kontribuis al la scienco? Certe jes! Kaj eble la plej elstara nomo inter sciencistaj virinoj en la antikva mondo estas la nomo de Hipatia (legu detale pri ŝi sur p. 5), mortigita de kristana amasaĉo, kredanta ke tiel ili "elpelos platonismon" el la urbo. Antaŭ Hipatia, alia ŝia samurbano, ĥemiistino Maria, inventis kelkajn aparatojn por laboro en ĥemia tereno. En 300 a.K. Agnodiso, sukcesa helena medicinistino, devis surmeti virajn vestaĵojn por povi kuraci, ĉar virinoj ne rajtis tion fari. Pro "kontraŭleĝa kuracado" oni procesis kontraŭ ŝi, sed tiam virinoj protestis, kaj oni devis finfine ŝanĝi la leĝojn kaj permesi ankaŭ al virinoj kuraci – tamen, ili rajtis kuraci nur aliajn virinojn... Sed samtempe en Romo medicinistinoj estis multnombraj, kaj ili rajtis kuraci ankaŭ virojn.

En antikva Egiptio ĉirkaŭ 1500 a.K. virinoj rajtis lerni medicinon kune kun viroj aŭ studi ĝin en ekskluziva porvirina lernejo en Sais. Skribaĵoj indikas, ke en Egiptio ekde 2700 a.K. ekzistis medicinistinoj, kiel Merit Ptah, kaj ĉirkaŭ 1200 a.K. en Mezopotamio vivis Tapputi-Belatekallin* – ŝi malkovris kaj disvolvis la teknologion de parfum-produktado.

## Virinoj, religioj kaj kultoj

Unuavide oni trovas, ke en multaj religioj kaj kultoj de la antikva tempo la rajtoj de virinoj estis grave malkonsiderataj. Sed malgraŭ tio ankaŭ virinoj iam ludis tie gravajn rolojn. En la Malnova Testamento oni atribuas la kreon de multaj artoj al Tubal-Kanaano, kiu mem aludas al matriarkaj civitoj. En iu interpreto de la Torao oni mencias, ke la vorto "Tubal" signifas "konstruanto", kaj tio aludas al la virino. En la historio de judismo oni trovas, ke unu el la Juĝistoj (Debora) kaj ankaŭ sep el la 55 profetoj de la Bibilio estis virinoj. Arkeologiaj esploroj montras, ke la rolo de virinoj en la religia vivo estis tre grava en la praaj epokoj. Tiel, ekzemple, en 2350 a.K. la reĝino Ŝagŝag administradis la templon de la diino Baŭ en Lagaŝ (Mezopotamio). Tiu respondeco ebligis al ŝi regadi super pli ol 1000 homoj, kiuj laboris en la templo: ŝi zorgis pri ĉiuj ekonomiaj kaj leĝaj aferoj de la templo. Kaj tio ne estas escepto – esploroj montras, ke en multaj el la unuaj civilizacioj en Mezopotamio oni adoris ĉefe la grandan diinon-patrinon, kaj tio montras gravan rolon de virinoj en tiuj ĉi civilizacioj. Esploristoj kredas, ke en la antikva epoko pastrinoj de temploj samtempe estis tribaj estroj aŭ almenaŭ havis grandan influon en la triba ĉiutaga vivo.

En ĉ. 2300 a.K. vivis Enheduanna, altpastrino de la templo de Luno-Dio en Ur, kiu estas konsiderata la plej grava tiutempa religia figuro. Ŝi estas la unua poeto konata en la historio – ŝiaj poemoj ŝajne tre impresis la publikon, kaj pro ilia komplikeco iuj nunaj historiistoj nomas ŝin "Ŝekspiro de sumera literaturo".





(supre) La disko de Enheduanna trovita en Ur; (malsupre) Skribaĵoj de Enheduanna en la sumera lingvo

## Fizikaj laboroj kaj virinoj

En la antikvaj civilizacioj de Persio virinoj ludis la plej gravan rolon kaj konsidereblan rajton por kontribui al la disfloro de la lando. Tabuloj trovitaj en Persepolo (antikva ĉefurbo de Persio) montras, ke kaj virinoj kaj viroj en Persio laboris kaj ricevis salajron. Oni klasifikis laboristojn ne laŭ ilia sekso, sed laŭ iliaj fakokonoj kaj spertoj. Ankaŭ diferenco inter viraj kaj inaj salajroj ne estis konsiderinda. En tiuj tabuloj oni mencias ankaŭ virinojn, kiuj administris laboristojn de ambaŭ seksoj (oni nomis ilin "araŝ-ŝara" – la granda ĉefo) kaj ricevis altajn salajrojn. La skribitaj registraĵoj montras, ke en 2500 a.K. gravedaj kaj novnaskintaj virinoj en Persio ricevis kroman salajron, kaj tio daŭris unu monaton post naskiĝo de infano. Esploristoj trovis ankaŭ, ke tiutempe la nombro de laborantaj virinoj ne estis malpli ol tiu de viroj.

Kaj tio koncernas ne nur Persion. Herodoto skribis, ke en Lidio (nun Turkio) en la praaj tempoj virinoj konstruis grandajn ŝtonajn konstruaĵojn, kaj en antikva Egiptio nur virinoj muelis grenojn, kaj tio ja estis malfacila laboro. Sed ankoraŭ nun en iranaj vilaĝoj virinoj ofte faras grandan parton de la malfacilaj fizikaj laboroj rilate agrikulturon.






## “Ora epoko” aŭ “ina epoko”?

Mi ĵus menciis gravajn atingojn de virinoj en plejofte patriarkaj socioj – helena, romia kaj antikva egipta. Sed rigardu ni pli profunden. En la helenaj legendoj oni ofte mencias “oran epokon”, dum kiu ĉie estis paco kaj prospero. Poste, laŭ la legendoj, venis la “arĝenta epoko”, dum kiu ne ĉio estis tute bona. La “arĝentan epokon” sekvis “bronza epoko”, post kiu venis nia, “fera epoko”. Dum la fera epoko ĉie estas perforto, milito kaj sovaĝaĵoj. Estas interese, ke la “oran epokon” mencias ne nur la helena legendaro. Oni trovas similajn menciojn en taoismo kaj ankaŭ en la mezopotamia legendaro. Kelkaj skribaĵoj de la majaa kaj la azteka civilizacioj rakontas pri antikva “ora epoko”, dum kiu regis Diino-Patrino. Historiistoj tamen konsideras tiajn rakontojn nur mitoj. Ili argumentas, ke historiaj registraĵoj montras, ke ju pli malantaŭen en la historion oni iras, des pli da sovaĝeco oni trovas – “ni almenaŭ ne plu oferas homojn al dioj, murdante ilin!”

Ĉirkaŭ 1960 la arkeologo James MELLAART dum elfosoj en Anatolio (Turkio) trovis restaĵojn de antikvega urbo, konstruita ĉirkaŭ 9000 jarojn antaŭ tiu dato (oni nomis ĝin Katal-Hujuk). Interesa afero – oni ne sukcesis trovi en ĝi ajnan spuron de fortikaĵo por defendi aŭ de armiloj por batali! Ne trovis ili ankaŭ ajnan spuron de perforto sur subterigitaj loĝantoj de la urbo. Cetere, MELLAART kaj liaj kunlaborantoj tie abunde trovis inajn figurojn, tial ili konkludis ke la urbanoj eble adoris grandan diinon-patrinon.

Tiu malkovro estis tiom kontraŭdira al la socie akceptita opinio, ke pli ol 30 jarojn ĝi ne estis konsiderata de akademianoj. Pli poste alia arkeologo, Marija GIMBUTAS, elfosis alian historian lokon en Anatolio – kun similaj rezultoj. Kaj similajn pruvojn trovis sovetiaj sciencistoj en Transilvanio! Tiuj rezultoj konformas al eltrovaĵoj de du aliaj matriarkaj civilizacioj – sur Kreto kaj Malto. Oni trovis, ke ankaŭ en tiuj civilizacioj oni adoris grandan diinon-patrinon, kaj ankaŭ en ili regis paco. Arkeologoj trovis similajn trajtojn ankaŭ ĉe la antikva civilizacio en Indus**-valo (nun en Pakistano).

Ĉu la organizo de la unuaj socioj estis matriarka? Respondo al tiu ĉi demando ŝajnas esti “jes”. La arkeologiaj eltrovaĵoj montras, ke ĉie en la antikva mondo ĝuste diina figuro estis adorata, sen ĉeestado de vira kunulo. Virinoj en la neolitikaj socioj sendube havis tre gravajn rolojn. Tiam esenca okupo de viroj estis ĉasado, kaj pro tio ĉefe virinoj zorgis pri la hejmo, kie viroj estis nur inter siaj ĉasvojaĝoj. Tiutempe la mortokvanto de viroj estis pli alta ol tiu de virinoj, kaj do virinoj konsistigis “nepasantajn elementojn” de la socia vivo kaj plenumis gravajn taskojn.

Ĉiuj arkeologiaj eltrovaĵoj sugestas, ke ĝuste virinoj inventis modladon de ceramikaĵoj, produktis vazojn kaj teksadis ŝtofojn. Same virinoj, kiuj ofte kolektis grajnojn kaj semojn, rimarkis, ke se oni faligas semojn sur la teron, poste tie kreskas plantoj, kaj tiel eltrovis agrikulturon. Ĉar virinoj estis hejme plejparton de la tempo, eblas supozi, ke ĝuste ili malsovaĝigis bestojn. Ankaŭ malfacilas kredi, ke iu krom virinoj povus inventi kuiradon… Ĉiuj tiuj atingoj distingas la neolitikan epokon disde la paleolitika epoko, kaj tiel ŝajnas, ke ĝuste virinoj estis la unuaj, kiuj kreis la civilizacion!


Dormanta diino – skulptaĵo trovita en Malto

* estas alia varianto de tiu ĉi nomo – Tapputi-Belatikalim

** Induso – granda rivero en Sud-Azio

### <Legu>

*La libroservo de UEA (www.uea.org/katalogo) proponas la jenajn librojn rilatajn al civilizacioj:*

*5000 jaroj de Ĉinio.* Caŭ Bajlong. Trad. Faibo. ĈEE. Pekino. 1988. 388 paĝoj. 3,00 EUR.

*La Romepoka Triesto.* Arkeologiaj kaj historiaj notoj. Cynthia Zobeni. Trad. P.G. Soranzo. TEA. Triesto. 1998. 34 paĝoj. 6,90 EUR.

*Sepdek-sep ŝlosiloj por la japana civilizacio.* Umesao Tadao k.a. Trad. G. Sutton. Tokio. 1987. 353 paĝoj. 11,70 EUR.

*Sur la vojo al la lumo.* Historio de la Civilizacio laŭ la spiritismo, diktita de la spirito Emanuelo. F.C. Xavier. Tradukis A.K. Afonso Costa. FEB. Rio de Janeiro. 1974. 171 paĝoj. 4,50 EUR.

*Survoje al universala civilizacio.* Giordano Moya Escayola. BEC. Barcelona. 1995. 205 paĝoj. 7,50 EUR.

# Libera spirito

## viktimo de maltoleremo

**Oni mortigis ŝin dufoje: komence korpe, kaj poste... oni detruis ĉiujn ŝiajn librojn. Plej brila filozofo de sia tempo, Hipatia estis kondamnita al eterna silento. Ĉi-foje la justeco ne venkis... - Red.**

*Olivier Gaudefroy, Francio*

Hipatia estis la plej granda sciencisto de la 4-5-a jarcentoj – matematikisto, astronomo, filozofo. Ŝi naskiĝis ĉirkaŭ la jaro 370 en Aleksandrio kaj eniris la sciencan mondon dum ŝi ankoraŭ estis etulino: ŝia patro, Teono de Aleksandrio, estis grava profesoro en Museion (1) – la centro de la scienca vivo kaj supera lernejo de la urbo, pri kiu fieris la tuta Egiptio. Li regis ĉiujn aspektojn de la formiĝo de sia filino dum la tempo, kiam oni apenaŭ konsideris virinojn homoj. Ŝi kompletigis sian formiĝon per vojaĝoj al Italio kaj Ateno. Reveninte al Aleksandrio, ŝi komencis instrui matematikon kaj filozofion kaj fariĝis escepta virino, kiu sambone majstris la problemojn de la sekcioj de Apolonio (2), la aritmetikon de Diofanto (3), la laborojn de Ptolemeo (4), kaj ankaŭ la dialogojn de Platono kaj la instruadon de Aristotelo. Plie, ŝi estis bela virino: "la spirito de Platono kaj la korpo de Afrodito", – diris Leconte de Lisle en sia poemo dediĉita al Hipatia. Tamen, ŝi neniam edziniĝis (oni ankoraŭ nun scivolas pri la kaŭzoj de ŝia ĉasteco) kaj ĉiam portis nigran "filozofan" mantelon. Ŝia domo estis vera intelekta centro, en kiu studentoj renkontiĝis por paroli pri filozofiaj kaj sciencaj demandoj.

En la jaro 400 ŝi prenas la administradon de la skolo de Aleksandrio. "Ĉiuj vere admiris kaj respektis ŝin pro ŝia escepta inteligenteco kaj granda karaktera forteco", – skribis Sokrato la Skolastikulo, samtempa historiisto de Hipatia, sed, bedaŭrinde, neniuj ŝiaj skribaĵoj kaj laboroj konserviĝis. Ili estas konataj nur dank' al la leteroj de ŝia eks-studento kaj amiko, kiujn li sendis al ŝi, kaj dank' al la skribaĵoj de tiamaj historiistoj. Oni tamen scias, ke ŝi konstruis astrolabon (5), platglobon, aparaton por distilado de akvo, ilon por mezuri la nivelon de akvo kaj gradan hidrometron por mezuri densecon de likvaĵoj. Sed krom ĉio ĉi, Hipatia estis ankaŭ filozofo kaj reprezentanto de la nov-platonisma skolo, kiu klopodis harmoniigi la tezojn de Platono kun la instruado de Aristotelo.

Ŝi estis engaĝita en la politikon de Aleksandrio (la magistratanoj kutime konsultis ŝin pri la administrado de urbaj aferoj) kaj, krome, ŝi estis amikino de Oresto, la roma gubierniestro de Aleksandrio.

Ekde la 4-a jarcento la kristana religio estis antaŭenigata fare de Romio, kaj la fino de la 4-a kaj komenco de la 5-a jarcentoj estis tre malfacila tempo por Aleksandrio. En 391 la imperiestro Teodozo malpermesis la paganajn oferadojn, kaj Teofilo, la patriarko de Aleksandrio, detruiigis Serapion, unu el la plej belaj temploj de Aleksandrio kaj en la mondo. Multegaj trezoraj libroj (krom ĉio, ĝi estis ankaŭ granda biblioteko) kiel "restaĵoj de paganismo" brulegis en la fajro...

Kiel paganino kaj reprezentantino de la greka scienca raciismo, Hipatia estis en tre danĝera situacio en la urbo, kiu fariĝis ĉiam pli kaj pli kristana (ŝi mem tamen ne havis konfliktajn rilatojn kun kristanismo). Kaj nur dank' al tio, ke ŝia filozofia skolo famigis Aleksandrion tra la mondo, oni ne aŭdacis detrui ĝin.

La situacio plene ŝanĝiĝis kun la morto de Teofilo en 412. Lin sukcedis lia nepo, Cirilo, fanatika kristano, kiu rapide ekhavis konflikton kun guberniestro Oresto. La urbo fariĝis loko de sangaj bataloj inter judoj, paganoj kaj kristanoj, ofte iniciatitaj de Cirilo. La guberniestro Oresto ne sukcesis ĉesigi tiujn batalojn... Per privata armeo, konsistanta plejparte el fanatikaj monaĥoj, Cirilo sukcesis detruigi sinagogojn kaj elpuŝigi la judojn. Proksima al Oresto, Hipatia estis suspektita pri malhelpo al la rilatoj inter Cirilo kaj Oresto. Plie, ŝia spirita libero kaj nov-platonisma filozofio apartenis al la pagana mondo, kiun Cirilo plenforte volis detrui.

Oni akuzis la belan esploristinon pri praktikado de magio kaj astrologio, kaj ankaŭ pri sorĉado. Unue oni bruligis ŝiajn librojn kaj detruis ŝian astrolabon. Sed ŝi ne cedis kaj daŭre instruis filozofion. La "lasta guto" por Cirilo estis ŝia publika lekcio. Kvankam la temo de la prelego estis "instruoj de Platono", ŝi interalie klarigis, ke Cirilo malĝuste interpretis Platonon. Ŝi ankaŭ menciis, ke liaj vortoj ne kongruas kun la antaŭaj dekretoj de la Eklezio. Tiel, la 12-an de marto 415, ŝi estas kruelege murdita...

Sokrato la Skolastikulo tiel priskribis ŝian morton: "Kelkaj monaĥoj gvidataj de Petro la Pekoplena atakis Hipatia-n kiam ŝi revenis al sia domo; ili elpuŝis ŝin el ŝia portlito kaj kondukis ŝin en la preĝejon de Cesareiono. Tie ili malvestis ŝin, buĉis kaj dismembrigis ŝin per rompaĵoj de potaĵoj kaj konkaĵoj. Poste ili bruligis ŝiajn restaĵojn". Sokrato la Skolastikulo skribis, ke "tiu krimo malpurigas Cirilon kaj la Eklezion de Aleksandrio", eĉ se la senpera respondeco de la patriarko Cirilo neniam povis esti pruvita. Sokrato la Skolastikulo kiel kristano estis ŝokita, ke lia religio povis permesi tian krimon kontraŭ persono, kiun li multe admiris.



Charles William Mitchel (1885), Hipatia

La murdo de Hipatia ofte simbolas la forpason de la antikva scienco. Post ŝia morto, multaj sciencistoj kaj filozofoj forlasis Aleksandrion por iri al Hindio kaj Persio. Pli malfrue, araboj remalkovris tiun scion kaj tradukis la tekstojn de grekaj esploristoj en sian lingvon, kaj tiel aperis la plej grandaj islamanaj sciencistoj kiel Aviceno (6) kaj Averoeso (7), kiam Eŭropo sombris en obskurantismo. La greka scienco reiris al Eŭropo per araboj.

Kaj Hipatia dum la 19-a jarcento fariĝis unu el la ĉefaj figuroj de romantikismo, la simbolo de la eterna beleco kaj de la inteligenteco ofendita de barbaroj. Omaĝe al ŝi kiel astronomo, ŝia nomo estis donita al unu el la krateroj de Luno.

(1) Museion "templo de muzoj" (el la greka) – unu el la plej gravaj sciencaj kaj kulturaj centroj de la antikva mondo, fondita en Aleksandrio en la 3-a j.c. a.K., kie loĝis kaj laboris gravaj sciencistoj (i.a., Arkimedo kaj Eŭklido)

(2) Apolonio – greka astronomo kaj matematikisto (ĉ. 262–180 a.K.)

(3) Diofanto – greka matematikisto de Aleksandrio (2-a j.c. p.K.)

(4) Ptolemeo – astronomo, matematikisto kaj geografo (ĉ. 100–170)

(5) astrolabo – mezepoka sekstanto (naŭtika instrumento por mezuri precipe vertikalajn angulojn, speciale la altangulon de astroj super la horizonto).

(6) Aviceno – irana kuracisto kaj filozofo (980-1037)

(7) Averoeso – araba kuracisto kaj filozofo (1126-1198)






# Unu kontraŭ la... imperio?

*Olivier* GAUDEFROY*, Francio; Ĵenja Amis, Ukrainio/Usono*

**Ŝi eniris la historion kiel la "militanta reĝino" kaj estis unu el tre malmultaj, kiuj ne timis batali kontraŭ la plej granda siatempa monda povo – la Romia Imperio!**

Tadmoro estas malnovega urbo en centra Sirio, inter la ĉef-urbo Damasko kaj la rivero Eŭfrato. Ĝi troviĝas en **oazo** meze de la **dezerto**, kaj pro ĝia beleco oni eĉ nomis ĝin "**fianĉino** de la dezerto". Loĝas tie ĉirkaŭ 50 mil loĝantoj kaj kreskas ĉirkaŭ 500 mil **palmoj**. Fakte la vorto "tadmor" signifas ĝuste "palmo"! Tiu ĉi urbo estas konata al la mondo ankaŭ sub alia nomo – Palmira.

La unuaj informoj pri Tadmoro venas de la 2-a jarmilo antaŭ Kristo, kaj en la unuaj tri jarcentoj post Kristo ĝi estis ligita al granda internacia komerco. El tiu ĉi loko ekis multaj **karavanoj**, kiuj iris orienten al la mezopotamiaj urboj, Babilono, kaj fine al Hindio por aĉeti multekostajn valoraĵojn; poste ilia vojo iris al la okcidentaj havenoj de la Mediteraneo. Pro la kuraĝo kaj lerteco de la palmiraj komercistoj la urbo rapide riĉiĝis. Troviĝis tie unu el la plej grandaj **temploj** de la Oriento – la templo de Baalo (1), **placo**, **senato** kaj teatro; larĝaj stratoj kun **kolonoj** kunigis la domojn... Tadmoro sendube estis unu el la plej belaj kaj evoluintaj tiutempaj urboj, kaj do ne estas strange, ke la romianoj ĉiam volis havi ĝin. Post kelkaj malsukcesoj, oni aligis Tadmoron al la Romia Imperio ĉ. la jaro 19. Ĝi fariĝis parto de la romia **provinco** Sirio kaj ricevis la novan nomon – Palmiro (tio fakte estas rekta traduko de la originala nomo).

En la tria jarcento Palmiro fariĝis "tro sendependema", kaj pro tio la reganto – **princo** Odenah – de Palmiro estis mortigita… Tiamaniere la romia imperiestro esperis ricevi plenan regon super Palmiro, ĉar la filo de princo Odenah havis nur dek jarojn. Sed li ne konsideris nur unu detalon: la kuraĝan edzinon de Odenah – Zenobia-n! En 269 ŝi aligis al sia reĝlando la pli grandan parton de Sirio kaj parton de Malgrand-Azio – ene de nur kelkaj jaroj eta Palmiro fariĝis centro de sufiĉe granda reĝlando! Zenobia estris **armeojn** de 70 mil palmiraj, armenaj kaj persaj militistoj (tiutempe tio estis grandega armeo!), kaj en 270 ŝi konkeris Egiption, kiu tiutempe apartenis al la Romia Imperio. En 272 ŝi enkondukis eĉ palmiran monon – je sia propra nomo kaj ankaŭ je la nomo de sia filo. Ekde tiam li portis la nomon "Imperiestro Aŭgusto", kaj Zenobia anoncis sin "Aŭgusta" – ido de Didono (2), Semiramiso (3) kaj de Kleopatro. Kaj fine ŝi kuraĝis eĉ deklari Palmiron sendependa de Romio! Krom ĉio ĉi, Zenobia estis priskribita kiel granda **intelektulino** de sia tempo kaj bona reganto, kiu certigis sekurecon kaj al kristanoj, kaj al judoj, kaj al maniĥeanoj (4). Bedaŭrinde, ne ekzistas desegnaĵoj de ŝi, sed antikvaj libroj priskribas ŝin ankaŭ kiel belan virinon!

Ŝia regado tamen ne daŭris longe. La nova romia imperiestro – Aŭrelio – unue reprenis Egiption, poste – parton de Malgrand-Azio. Sed la plej grava batalo okazis pro Palmiro mem. Ambaŭ armeoj estis pli-malpli sam-grandaj (la palmiran armeon estris Zenobia mem), sed la romianoj estis pli **ruzaj** en ĉi tiu batalo. Ili ŝajnigis **fuĝon** kaj tiel forigis la palmiran armeon el la urbo, kaj poste dis-batis ĝin. Zenobia fuĝis al Palmiro, kiu post nelonge ankaŭ estis prenita de la romianoj – la urbo, sed ne Zenobia mem! Ŝi fuĝis nokte, sur **kamelo**, al la rivero Eŭfrato, por poste atingi Persion.

La kontraŭ-staro de Palmiro al la Romia Imperio ripetiĝis ankoraŭfoje, post kio la imperiestro Aŭrelio sendis en Palmiron romiajn soldatojn. Kio okazis al Zenobia? Iuj historiaj fontoj diras, ke ŝi estis kaptita de la romianoj kaj mortigis sin dum la vojaĝo al Romo; aliaj supozas, ke oni veturigis ŝin al Romo, kaj ke ŝi estis "stelulo" – la ĉefa "kaptito" dum la triumfo (5) de Aŭrelio. Iuj historiaj fontoj montras, ke ŝi komencis novan vivon kiel edzino de romia estro. Interese, ke la nomo de florenca **episkopo** de la kvina jarcento estis Zinobius, kaj iuj historiistoj supozas, ke li ricevis ĝin de sia pra-pra-avino!

(1) Baalo – nomo ("Sinjoro") de feniciaj dioj, precipe de Hadad (Fenicio – lando inter Lebanono kaj Mediteraneo; hodiaŭ – Libano)
(2) Didono – reĝino de Kartago, amatino de Eneo
(3) Semiramiso – reĝino de Babilono
(4) maniĥeanoj – disĉiploj de Maniĥeo (216-277), la kreinto de dualisma religio en Persio
(5) triumfo – graveca eniro en Romon, post aparte brila venko, kun amasa paŝado de militkaptitoj

**armeo** – militistaro
**dezerto** – senakva kaj senarba loko
**episkopo** – prezidanto de kristana komunumo
**fianĉino** – onta edzino
**fuĝi** – forkuri
**imperio** – granda ŝtato, kiu konsistas el diversaj, ofte foraj, partoj
**intelektulo** – saĝulo
**kamelo** – dezerta besto kun du montet-similaj elkreskaĵoj sur la dorso
**karavano** – kamel-aro
**kolono** – longa ronda parto de la domo, por subteni aŭ plibeligi ĝin
**oazo** – tiu parto de dezerto, kie troveblas akvo kaj kreskaĵoj
**palmo** – arbo, kiu kreskas en varmaj landoj
**placo** – malferma loko ĉirkaŭita de domoj
**princo** – ido de reĝo
**provinco** – parto de lando
**ruza** – kapabla elpensi lertajn rimedojn por atingi iun celon
**senato** – konsilistaro
**templo** – konstruaĵo por servi al di(in)oj aŭ diaĵoj

**Sur la fotoj** (supre maldekstre): Antikva strato de Palmiro; (ene) moneroj de Zenobia; (dekstre) scenejo de teatro en Palmiro.

# Nordamerikaj indianoj:

## *en la ombro de la sudaj najbaroj*

**Kiam oni mencias indianajn civilizaciojn, plej ofte oni celas la grandajn civilizaciojn de Centra kaj Suda Ameriko – antaŭ ĉio, la majaan kaj la aztekan civilizaciojn; tiel, la indiĝenoj de Nord-Ameriko estas ofte "en la ombro" de siaj sudaj najbaroj**

*Simon László, Rumanio*

Laŭ la teorio de evoluismo, sur la amerika kontinento ne vivis tiaspecaj bestoj, el kiuj povus evolui prahomoj. Do multaj sciencistoj opinias, ke la praloĝantoj de la amerikaj kontinentoj, kiujn la eŭropanoj erare nomis "indianoj", iam venis tien de alia loko. La plej verŝajna hipotezo estas, ke ili alvenis antaŭ ĉirkaŭ kvardek mil jaroj el Azio (1) – la iamaj ĉasantoj de grandaj bestoj, sekvante ilin, alvenis en tiu nova lando tra Alasko (dum kelkaj glaciaj eraoj la nivelo de la oceanoj malaltiĝis, kaj tiel Nordameriko estis ligita kun Siberio per tera ponto). Ankaŭ la antropologiaj esploroj montras pli similajn genetikajn trajtojn inter indiĝenaj amerikanoj kaj azianoj, ol inter amerikanoj kaj afrikanoj, eŭropanoj aŭ aŭstraliaj indiĝenoj. Tamen restas ankaŭ pluraj demandoj – ekzemple, kiel ili okupis la tutan novan kontinenton dum tia relative mallonga tempo?.. Iuj indiĝenaj amerikanoj malkonsentas pri tiu teorio – ili kredas, ke la Granda Spirito kreis ilin tie, en Ameriko, ke ili estas la veraj praloĝantoj de tiu kontinento.

Ĉiuj homaj komunumoj sur la tero adaptiĝis al la naturaj kondiĉoj de la viv-medio, sed estas vere mirinde, kiel bone la indiĝenaj nordamerikanoj sukcesis pri tio! Malsamaj vivkondiĉoj kaj ankaŭ la fakto, ke diversaj grupoj de indianoj apartenis al malsamaj lingvofamilioj klarigas, kial diversaj popoloj de la kontinento kreis multajn kulturojn, ekzotikajn laŭ nia vidpunkto. Tiuj popoloj, kiuj vivis unu apud la alia, en la samaj kondiĉoj, kreis similajn kulturojn (sed ne ĉiam). Sed foje malsimilaĵoj inter nordamerikaj kulturoj estas eĉ pli grandaj ol, ekzemple, malsimilaĵoj inter la japana kaj la franca kulturoj.


Ĉefo Jozefo

### Sudoriento

En la sudorienta regiono, inter la Atlantika Oceano kaj la riverego Misisipo, vivis kelkaj el la plej civilizitaj indianaj popoloj. Iliaj prauloj iam konstruis grandajn piramidojn, en kies supro troviĝis temploj. Tiuj ĉi piramidoj ne estis tiel altaj, kiel la egiptaj piramidoj, sed laŭ volumeno kelkaj indianaj piramidoj estas eĉ pli grandaj ol la egiptaj. Krom tio, la amerikaj piramidoj estis faritaj ne el ŝtono, nur el tero.

Tiuj popoloj estis plejparte terkulturistoj (ili kultivis precipe maizon), sed estis tie ankaŭ tiuj, kiuj okupiĝis nur pri ĉasado, fiŝkaptado kaj kolektado. La plej granda festo de tiuj popoloj estis Verda Maizo (samtempe ankaŭ la novjarfesto), simbolo de la renoviĝo de la mondo. Tiam la homoj purigis siajn domojn, korpojn kaj pensojn. Ĉiuj malamikecoj estis forgesitaj, kaj oni faris komunan „novan fajron", de kie ĉiu domo prenis sian eron.

Unu el la plej gravaj popoloj de tiu ĉi regiono estas, verŝajne, la ĉerokioj (legu pli en Kontakto 194, 2003:2), nuntempe la plej multnombra kaj grava grupo en tiu parto de Usono. Ili ne scipovis legi, sed vidinte skriban komunikadon de la blankuloj, unu el ili – Sekŭoja – inventis alfabeton ankaŭ por la ĉerokia lingvo. La ĉerokioj rapide eklernis tiun skribsistemon kaj eĉ aperigis ĵurnalon en ĝi.

Kelkaj el la sud-orientaj indianaj popoloj ne plu ekzistas... Ekzemple, la malgranda tribo *Mobile* (2), kies lingvo estis konata kiel komuna lingvo por komerco inter diversaj triboj, jam malaperis. La alia popolo, *Natchez,* kiu ankaŭ malaperis, estis konata dank' al sia socia organizo kun diversaj sociaj klasoj, kaj la rolo de ĉefo similis al tiu de reĝo. La tribo *Seminole* estis miksaĵo de diverstribaj membroj – estis inter ili ankaŭ multaj nigruloj, kiuj fuĝis de la sklaveco. (Efektive, ankaŭ la ĉerokioj akceptis "aliulojn" – la nigrulojn, kiuj fuĝis de sklaveco; ankaŭ virojn, edziĝintajn al ĉerokiaj virinoj, aŭtomate fariĝis ĉerokioj – Red.). La *Seminole* vivis (kaj fakte ankaŭ nun vivas) en Florido kaj estas la sola indiana popolo en Usono, kiu ne kapitulacis antaŭ la usona armeo en la 19-a jarcento (3).

### Sudokcidento

La sudokcidenta parto de Nord-Ameriko estas nun la sudokcidenta parto de Usono. Tie, proksime al la grandaj mez-amerikaj civilizacioj, vivis terkulturistoj, kun evoluinta socio kaj kompleksaj religiaj ceremonioj. La terkulturistoj konstruis grandajn pluretaĝajn konstruaĵojn, kie loĝis homoj de la tuta vilaĝo. Pro tio la hispanoj nomis ilin "*pueblos"* (de la hispana „*pueblo"* – vilaĝo"). Ĉi tiuj popoloj plej bone konservis la kulturon de siaj praŭloj: ili vivas preskaŭ tiel, kiel antaŭ centoj da jaroj – kultivas la teron per la samaj metodoj, en multaj vilaĝoj ne estas eĉ elektra lumo; konservis ili ankaŭ siajn religiajn ceremoniojn, multaj el kiuj estas plenumataj en temploj, *kiva*-oj, kaŝitaj en la malsupraj partoj de tiuj ĉi konstruaĵoj. La pueblo, interalie, ne estas nur unu popolo. Al tiu grupo apartenas diversaj triboj el diversaj lingvofamilioj, sed kun simila vivmaniero. La plej konataj el ili estas la *Zuñi* kaj precipe la *Hopi*. La lastaj famiĝis dank' al unu el siaj religiaj ceremonioj – la Danco de Serpentoj. Dum tiu danco oni portas venenajn serpentojn en la buŝo, kaj la celo de ĝi estas peti de la dioj pluvon, kiu estas tre bezonata por agrikulturo en tiu seka regiono.

En la sud-okcidenta regiono vivis kaj vivas ĝis nun ankaŭ aliaj popoloj (4), kun aliaj kulturoj – plejparte ili estis nomadaj ĉasistoj. Ĝuste ili estis la unuaj nord-amerikaj indianoj, kiuj adoptis en sian kulturon la ĉevalojn alportitajn de la hispanoj. Antaŭ la alveno de la eŭropanoj, la indianoj ne tenis bestojn, krom hundojn – la plej bona amiko de homo en ĉiuj partoj de la mondo – kaj ankaŭ iom da meleagroj. Sed poste la popolo *Diné* fariĝis bredistoj de ĉevaloj kaj ŝafoj. Tiu ĉi popolo (konata ankaŭ sub la nomo *Navaho*) estas nuntempe la plej



multnombra indiĝena nacio en Nord-Ameriko. Ili fariĝis famaj, i.a., pro sia lingvo (en kiu cetere ankaŭ hodiaŭ aperas ĵurnaloj): dum la Dua Mondmilito ĝi estis preskaŭ tute nekonata de aliaj, pro tio la indianoj, kiuj servis en la diversaj grupoj de la usona armeo, povis libere, tute sen kodoj, paroladi kaj interŝanĝi sekretajn informojn – la germanoj tute ne scipovis deĉifri ilian lingvon!

Proksime al la Granda Kanjono vivis kelkaj malgrandaj pacemaj triboj, kiuj okupiĝis pri kolektado, ĉasado kaj fiŝkaptado. La diversaj grupoj de apaĉoj estas parte konataj pro diversaj romanoj kaj filmoj, kaj ankaŭ dank' al siaj luktoj kontraŭ la usona armeo, kiu nur kun granda peno sukcesis venki ilin.

### Grandaj ebenaĵoj

Antaŭ ol en Amerikon estis portitaj ĉevaloj, nur relative malmultaj indiĝenoj (5) vivis en la vasta regiono de la Grandaj Ebenaĵoj (kvankam oni nomas ĝin "ebenaĵo", troviĝas tie ankaŭ montetoj). Tamen tieaj triboj, verŝajne, estas la plej konataj el la indiĝenaj nord-amerikanoj. Ilia kulturo (oni ekkonis ĝin en la 18-19-a j.c.) tamen ne estas tro malnova, ĉar ĝi baziĝas sur la uzado de ĉevaloj, kiuj ne estis konataj sur tiu ĉi kontinento antaŭ la alveno de la hispanoj. En la "antaŭĉevalaj tempoj", kiam ili translokiĝis aliloken, ili uzis hundojn por transporti tendojn kaj aliajn havaĵojn. Sed kun la alveno de tiu ĉi "mirakla besto" (en kelkaj partoj oni nomis ĝin "mistera hundo" kaj fojfoje ŝtelis la ĉevalojn de aliaj) ilia kulturo multe riĉiĝis. Tiuj popoloj estis nomadaj ĉasistoj, kaj la plej grava besto por ili estis la bizono. Ĝi donis al ili ne nur manĝaĵojn, sed ankaŭ materialon por tendoj, vestaĵoj ktp.; ankaŭ en ilia religio tiu besto ludis grandan rolon.

Sed vivis sur la Grandaj Ebenaĵoj ankaŭ kelkaj terkultur-





istaj triboj – ekzemple, la *Mandan*. Kontraste al aliaj triboj de la sama regiono, ili vivis ne en rondaj tendoj, *tipi*-oj, sed en grandaj rondaj domoj faritaj el tero. Grava trajto de la religio de tiuj popoloj estis sankta pipo farita el ruĝa ŝtono. En la loko, kie tiu ŝtono troviĝis, estis iaspeca neŭtrala teritorio, kie la membroj de diversaj, ofte malamikaj triboj, respektante la sanktecon de la loko, ne militis unu kontraŭ la alia.

Multfoje oni parolas pri la *Sioŭ*-oj. Tio ĉi estas ne popolo, sed lingva familio, al kiu apartenis multaj popoloj. La plej famaj el ili estis la popolo *Lakota*, kiu kuraĝe batalis kontraŭ la usona armeo. La nomoj de iliaj plej grandaj ĉefoj – Ruĝa Nubo, Freneza Ĉevalo kaj Sidanta Taŭro – estis kaj restas konataj preskaŭ al ĉiuj, kiuj iomete konas la historion de la indiĝenaj amerikanoj. La Danco de la Suno estas ilia plej karakteriza religia trajto. Dum tiu danco oni diversmaniere turmentas sin, montrante sian kuraĝon al la aliaj; laŭ la kredoj, pere de tiu danco la dancantoj ekhavas viziojn, kiuj poste gvidas iliajn sekvontajn vivojn.

## Granda Baseno

En ĉi tiu seka, nutraĵmalriĉa regiono vivis kelkaj el la plej simplaj kaj malriĉaj popoloj de la kontinento (6) – spertuloj en la travivado en tiuj malbonaj kondiĉoj. Ili vivis en tre simplaj domaĉoj, kiuj apenaŭ protektis kontraŭ la vento kaj pluvo. Ili manĝis ĉion, kion ili trovis – ĉasis malgrandajn bestojn, precipe leporojn, kolektis diversajn insektojn, ekzemple, lokustojn, kaj diversajn fruktojn kaj radikojn.

Ili ne luktadis kontraŭ la blankuloj, kaj pro la malbonaj kondiĉoj ne sukcesis krei tian riĉan kulturon, kiel aliaj amerikaj popoloj. Sed tamen ĝuste ĉe ili naskiĝis la profeto, kiu fondis gravan religian movadon de indiĝenaj amerikanoj. *Wowoka* estis sankta homo de la popolo *Pauite*, kiu vidis en sia vizio, ke la blankuloj malaperos el Ameriko, la bizonoj revenos, kaj la vivo de la indiĝenoj estos tia, kia ĝi estis antaŭ la alveno de la eŭropanoj, kaj por ke tio realiĝu, necesas nur dancadi. Tiu ĉi religia rito estis nomata Fantom-danco. Tiu religio relative rapide disvastiĝis ankaŭ sur la ebenaĵoj, kie ĉiuj indianoj estis jam venkitaj de la usona armeo. Ĝi donis al ili esperon, kaj la usonanoj ektimis, ke el tiu pacema dancado povus naskiĝi granda ribelado de luktemaj triboj. Pro tio ili kruele masakris tiujn ĉi pacemajn indianojn… estis mortigitaj ankaŭ multaj virinoj kaj infanoj.

Alia fama homo de tiu ĉi regiono estis la virino *Sacajawea* (originale ŝi apartenis al popolo *Shoshone*, sed kiel infano ŝi estis ŝtelita de la tribo *Hidatsa*). Ŝi gvidis ekspedicion de Lewis [luis] kaj Clark dum la jaroj 1804-1806, dank' al kiu usonanoj unuafoje sukcesis atingi la okcidentan flankon de la kontinento.

## Altebenaĵo

Altebenaĵo troviĝas en la nordokcidenta parto de Usono kaj sudokcidenta parto de Kanado, inter la marbordo kaj la grandaj ebenaĵoj, norde de la Granda Baseno. Tie vivis kaj vivas diversaj popoloj, kies kulturoj estas parte kulturmikŝaĵo de tiuj najbaraj regionoj (7). En tiu ĉi regiono troviĝas multaj riveroj riĉaj je fiŝoj, kaj pro tio fiŝkaptado tie ludis tre gravan rolon. Kelkaj el ili kutimis ĉasi ankaŭ bizonojn, aliaj ĉasis diversajn aliajn bestojn en la arbaroj. Ankaŭ la loĝejoj de diversaj triboj estis tute diversaj: kelkaj uzis la *tipi*-ojn, aliaj konstruis grandajn komunajn domojn, kie pluraj familioj vivis kune. Kelkaj el tiuj ĉi triboj estis konataj kiel bonegaj ĉevalbredistoj, kaj unu tribo famiĝis pro la kuraĝa batalado kontraŭ la usona armeo.

Kelkajn nomojn al la triboj de la Altebenaĵo (ekzemple, *Nez Percé* – trapenetrita nazo aŭ *Flathead* – plata kapo) donis francoj aŭ britoj, kaj foje la nomoj priskribas la aspektojn de la indianoj. Ekzemple la membroj de tribo *Nez Percé* traboris siajn nazojn kaj metis tien ornamaĵojn. Ili bredis la faman specon de ĉevalo – *Appaloosa*. Famigis tiun ĉi tribon ankaŭ ilia ĉefo Jozefo, kiu dum pluraj monatoj konstante sukcesis eskapi kun sia malgranda taĉmento de la usona armeo, kiu sekvis ilin. Fine ili estis realportitaj en la rezervejon, de kie ili forfuĝis pro la malbonaj kondiĉoj. Li estis ankaŭ granda oratoro.

Kvankam inter kelkaj popoloj estis kutimo deformi la kranion de la novnaskitoj, la tribo *Flathead*, kies nomo sugestas tion, neniam praktikis tion.

## Kalifornio

La limoj de tiu ĉi kulturregiono estas preskaŭ samaj kiel tiuj de la nuna Kalifornio. Kiam la hispanoj unue alvenis tien, ili trovis simplajn kaj pacemajn tribojn, kiujn ili tuj komencis konverti al kristanismo. Pli norde troviĝis pli evoluintaj popoloj, kies socio estis strukturita laŭ klasoj kaj kie ekzistis ankaŭ personaj havaĵoj, mezuritaj per mono. Post kiam Usono pro la milito gajnis tiun ĉi teritorion de la hispanoj, kaj precipe post la trovo de oro en Kalifornio, usonanoj alvenis tien grandnombre, kaj multaj popoloj de la regiono malaperis. Tiuj, kiuj restis, sukcesis konservi nur malmulte el siaj kulturoj… La popoloj *Californis* plejparte akiris siajn nutraĵojn kolektante diversajn manĝeblajn kreskaĵojn, plejofte glanojn. Ili ankaŭ ĉasadis kaj fiŝkaptadis. La vetero tie ĝenerale estas milda, pro tio ili ne portis tro multajn vestaĵojn – en kelkaj triboj la viroj kutime portis nenion.

## Nordokcidenta marbordo

Tiu ĉi regiono troviĝas ĉe la marbordo de la Pacifika Oceano. Ĝi komenciĝas en nordokcidenta Usono kaj etendiĝante tra Kanado atingas la sudan parton de Alasko. Diversaj popoloj, kiuj loĝis kaj loĝas tie, sufiĉe similas laŭ siaj kulturoj (8). Kompare kun aliaj regionoj, la indiĝenoj de tiu ĉi parto, estis relative malpli multe ĝenataj de la eŭropanoj, kaj troviĝas inter ili ankaŭ tiuj, kiuj konservis sufiĉe multe el la kulturoj de siaj prauloj; ne tro multe ŝanĝiĝis ankaŭ la vivmaniero. Ili akiris siajn nutraĵojn plejparte per fiŝkaptado (la indianoj per sekigado kaj fumaĵado konservis fiŝojn ankaŭ por la aliaj sezonoj). La plej grava fiŝo por ili estis la salmo. Ili kredis, ke salmoj estas homoj, kiuj vivas sub la oceano en magia vilaĝo, kaj ke ili venas en la formo de fiŝoj por doni nutraĵojn al aliaj. Pro tio, ĉiujare la unua kaptita salmo estis preparata laŭ speciala ceremonio, dum kiu estis eldiritaj preĝoj de dankemo. Poste la skeleto de la fiŝo estis redonita al la rivero, por ke ĝi "iru hejmen, kaj venontjare revenu denove kiel salmo". Certe, ili kaptis ankaŭ aliajn diversajn fiŝojn, kaj kelkaj popoloj (ekzemple, la *Nootka* tribo) faris grandajn boatojn, per kiuj ili ĉasis ankaŭ balenojn en la maro. Ĉasis ili ankaŭ diversajn bestojn en la arbaroj, kaj la virinoj kolektis manĝeblajn plantojn kaj fruktojn.



Ili konstruis grandajn lignajn domojn, kie loĝis pluraj parencaj familioj. En tiu regiono ne estis tre malfacile akiri bezonatajn nutraĵojn kaj aliajn aĵojn, kaj do restis tempo por evoluigi veran arton. Preskaŭ ĉiuj iliaj aĵoj, domoj, vestaĵoj, boatoj, laboriloj ktp. estis bele ornamitaj. La plej famaj tamen estas iliaj skulptaĵoj – totemaj kolonoj kun diversaj bestoj kaj aliaj simboloj, kiuj rakontis pri







la historio de la familioj, kiuj faris ilin. La plej fama ilia festo estis *potlaĉ*, kiam ili donacis al pluraj invititoj, ankaŭ el la najbaraj vilaĝoj, ĉiujn siajn havaĵojn, kaj pere de tio aliaj agnoskis iujn rajtojn de la donacintoj.

La socio tie estis dividita en klanojn kaj klasojn, kaj la ĉefeco estis heredata, tamen ricevis ĝin ne filoj, sed nevoj (la filoj de la fratino). La indianoj veturadis plejparte en kanuoj, kaj dum militoj prenis sklavojn. Ili komercadis kun aliaj popoloj, kaj speciale por komenco eĉ adoptis komunan lingvon. Iliaj legendoj rakontas pri diversaj spiritoj en la formoj de bestoj, kaj gravan rolon tie ludas la korvo, kiu kreis la mondon.

Kvankam multaj el tiuj popoloj mortis pro malsanoj kaj alkoholo alportita de la eŭropanoj, tamen multaj el ili ankaŭ nun vivas en la sama regiono, kie vivis iliaj praulој. Ankaŭ iliaj ĉefaj okupoj estas preskaŭ la samaj, nur la metodoj ŝanĝiĝis; krome, multaj el ili estas laboristoj de grandaj kompanioj. Dum certa periodo multaj el iliaj moroj estis malpermesataj, tamen ili sukcesis konservi multon el sia kulturo kaj provas nun transdoni ĝin al la novaj generacioj.

## Nordorientaj arbaregoj

La praloĝantoj de la nordorientaj arbaregoj estis inter la unuaj indianoj, kiuj havis kontaktojn kun la eŭropanoj. Ĝuste ili formis la stereotipon pri indianoj, kiuj navigas en kanuoj, fumas tabakon kaj vendas al la eŭropanoj felojn kontraŭ pafiloj. (Cetere, ĝuste la nordorientaj indianoj alportis al ni tiajn vortojn, kiel "tomahoko" kaj "vigvamo".) Ili estis ankaŭ la unuaj, kiuj suferis pro la eŭropanoj – ĉar ja ĝuste de ila regiono komenciĝis grandskala alproprigo unue de la naturaj rimedoj, kaj poste de la tero mem... Laŭ iuj historiistoj, la unuaj kontaktoj inter la nordorientaj indianoj kun eŭropanoj okazis antaŭ Kolumbo – inter la 11-a kaj la 14-a jarcentoj, kiam la gronlandaj kaj eble hispanaj kaj francaj fiŝkaptistoj vizitis orientajn bordojn de Nord-Ameriko.

La unuaj loĝantoj de la nordorientaj arbaregoj ĉasis grandajn bestojn kaj kolektis plantojn, kaj antaŭ ĉ. kvar mil jaroj ili komencis agrikulturi – ili kultivis kaj lokajn, kaj alportitajn plantojn; antaŭ ĉ. tri mil jaroj ili faris terajn tombmontetojn kaj potojn. La socia kaj politika organizado de la nordorientaj indianoj variis de sufiĉe primitivaj familiaj klanoj ĝis tre alte evoluintaj konfederacioj (ekzemple, la irokeza).

## Ĉirkaŭkariba regiono

Kristoforo Kolumbo post la veno al Bahamoj skribis en sia taglibro, ke li vidis "nudajn homojn", kiuj aspektis "tre sanaj". Post vizito al kelkaj aliaj karibaj insuloj li rimarkis, ke en multaj lokoj oni havas la samajn lingvon, kredojn kaj tradiciojn. La loĝantoj de la ĉirkaŭkariba regiono nomis sin *Taino*. Taina kulturo naskiĝis en la Kariba baseno kaj estis dominanta en ĝi. La vorto "taino" fakte signifas "homo de bono", kaj laŭ preskaŭ ĉiuj fontoj tainoj vere estis vere homoj de bono – ili disvolvis la kulturon, kie la homa personeco estis tre grava, kun bonkoreco kaj malavaro kiel ĉefaj valoroj. Ili klopodis nutri ĉiujn homojn, kaj ankaŭ la spirita vivo ĉe tainoj estis alte evoluinta. Ĉu pro tio la okcidentanoj nomis la tainan kulturon "primitiva"?.. Same kiel aliaj indianoj, ili konsideris homon harmonia parto de la naturo. Ili povis fari loĝejon de unusola palma arbo, kaj de nur kelkaj arbotrunkoj – kanuon, kiu tenis pli ol cent homoj! Same kiel la kontinentaj indianoj sciis ĉion pri la vivo en la arbaroj, la tainoj sciis ĉion pri la maro.

La tainoj loĝis en etaj puraj vilaĝoj laŭ la marbordoj kaj estis vere belaj homoj, kiuj ne bezonis vestaĵojn pro la varmeco (en iuj insuloj post edziniĝo virinoj tamen portis mallongajn kotonajn jupojn). Relative malaltaj, ili kolorigis siajn korpojn per teraj farboj kaj beligis sin per konkaj ornamaĵoj. La ĉefoj kaj ĉefinoj ofte portis oron en la oreloj, nazo aŭ sur la kolo; iuj havis ankaŭ tatuojn.

## Subarkta kaj arkta regiono

En la subarkta zono (la centraj partoj de Kanado kaj Alasko) troviĝas grandegaj arbaroj. Tie vivis simplaj ĉasistoj, kiuj en malgrandaj grupoj vagadis tra la vastaj regionoj kaj penis travivi en tiuj severaj kondiĉoj. Post kiam alvenis la eŭropanoj, la indiĝenoj komencis ĉasadi eĉ pli multe, ĉar ili povis vendi la peltojn al la komercistoj, kiuj donis al ili pafilojn kaj alkoholon. Pro la pafiloj ili preskaŭ forgesis siajn antaŭajn metodojn de ĉasado, kaj krome per tiu ĉi nova ilo ili sukcesis mortigi pluregajn bestojn – tiel ke la kvanto de bestoj iom post iom malkreskis, kio pli kaj pli malfaciligis la ĉasadon. Sed eĉ pli malbonan influon sur ili havis la alkoholo... Kvankam multaj indiĝenoj de tiu ĉi regiono travivis ĝis nun, ili preskaŭ plene perdis siajn originajn kulturojn.

La arkta kulturzono situas en la plej norda parto de la kontinento kaj ankaŭ sur la Aleutaj Insuloj, kie jam ne kreskas la arboj. Ankaŭ en tiu ĉi regiono vivas indiĝenoj, kiujn tamen neniu nomis indianoj – ili estas konataj kiel eskimoj kaj aleutoj (la loĝantoj de la samnomaj insuloj). Estas diversaj grupoj de eskimoj, kies kulturoj iomete malsimilas, sed de la lingvistika vidpunkto ĉi tiu regiono estas la plej homogena, ĉar la loĝantoj parolas lingvojn el la sama lingvofamilio.

(1) estas multaj teorioj pri tio, kiam kaj de kie venis la praŭloj de la amerikaj indianoj. Laŭ iuj sciencistoj, la unuaj enmigrintoj venis el Siberio antaŭ ĉ. 20 mil jaroj, la dua "enmigra ondo" okazis antaŭ ĉ. 11-12 mil jaroj; iuj sciencistoj opinias, ke ne temas pri nur kelkaj "enmigraj ondoj", sed pri pluraj enmigradoj dum longa tempo. Iuj sciencistoj opinias, ke antaŭ la siberiaj enmigrantoj al Ameriko venis indiĝenoj el Oceanio – Red.

(2) aliaj gravaj popoloj de tiu ĉi regiono estas *Creek, Choctaw, Chickasaw, Alabama, Houma, Timucua, Atakapa, Chitimacha* kaj *Yuchi* (noto de Red.: krom kelkaj esceptoj, ne ekzistas esperantigo de la tribnomoj kaj aliaj indianaj objektoj, pro tio ni donas en la plejparto de la kazoj la anglan transskribon)

(3) estis tri militoj inter la usona registaro kaj la *Seminole* inter 1817 kaj 1858. La usona registaro elspezis 20 milionojn da dolaroj por la milito kontraŭ ili, sed fine kapitulacis kaj lasis la tribon en trankvilo

(4) aliaj gravaj popoloj de tiu ĉi regiono estas *Pima, Papago, Hualapai, Havasupai, Cocopa, Chemehuevi*

(5) La plej konataj triboj de ĉi tiu regiono estis *Cheyenne, Crow, Arapaho, Blackfoot, Pawnee, Arikara, Mandan, Comanche*

(6) temas pri diversaj triboj de *Shoshone, Paiute* kaj *Ute*-popoloj

(7) kelkaj el la plej karakterizaj triboj de ĉi tiu regiono estas *Nez Percé, Flathead, Cayuse, Umatilla, Coer d'Alene, Yakama, Umatilla, Spokan*

(8) la plej konataj popoloj estas *Tlingit, Haida, Nootka, Tsimshian, Bella Coola, Makah*

**Sur la fotoj:** (de maldekstre) Knabino *Zuni* kun ĵaro (foto: Edward Curtis, 1903); virino *Hopi* aranĝas la harojn de needziniĝinta knabino (foto: Henry Peabody, ĉ. 1900); pueblo; indiano *Nez Percé*; virino *Shoshone*; paro *Nez Percé*, (foto: Frank Palmer, ĉ. 1900); (sube) totema kolono.

# Ĉinaj dinastioj

*Zheng Xiang, Ĉinio*

**Kun sia 5000-jara historio, Ĉinio estas unu el la landoj kun la plej frua civilizacio en la mondo!**

La plej fruaj primitivuloj vivis en Ĉinio jam antaŭ 1,7 milionoj da jaroj – tion pruvas fosilioj de simi-homo, trovitaj en sudokcidenta Ĉinio. Sinantropoj, kiuj vivis apud la nuna Pekino antaŭ 600 mil jaroj, povis paŝi kun rektigita talio, fari kaj uzi simplajn ilojn kaj utiligi fajron. Ĉie tra Ĉinio troviĝas ankaŭ ruinoj de neolitikaj (antaŭ ĉ. 10 mil jaroj) restadejoj; en kelkaj restadejoj de ĉ. 6-7 mil jaroj oni trovis grajnojn de kulturitaj rizo kaj milio, kaj ankaŭ agrikulturilojn.

La plej antikva ĉina dinastio Xia [ŝja] datiĝas de la jaro 2070 a.K (1) – ĝuste en tiu tempo la ĉina socio eniris sklavismon, evoluigitan poste fare de la dinastioj Shang [ŝang] kaj Okcidenta Zhou [ĝou]. Pli poste sekvis la epoko de Printempo kaj Aŭtuno kaj la epoko de Militantaj Regnoj, dum kiuj dekadencis la kortegoj kaj leviĝis markizoj. Ĝenerale oni rigardas tiun periodon kiel transiron de sklavisma socio al feŭdisma.

Jam antaŭ ĉirkaŭ 5000 jaroj ĉinoj posedis la teknikon de metalurgio de bronzo. En la dinastio Shang, antaŭ pli ol 3000 jaroj, oni ekuzis ferajn ilojn kaj faris senkolorajn kaj multkolorajn fajencaĵojn (2). Ankaŭ teksumado tiutempe multe progresis kaj aperis la plej frua ĵakarda (3) teknologio. En la epoko de Printempo kaj Aŭtuno ĉinoj jam posedis la teknikon de ŝtalfarado. En la sama periodo kaj ankaŭ dum la periodo de Militantaj Regnoj viglis ideologia akademia aktivado kaj aperis la filozofoj Laocio, Konfuceo kaj Menceo, kaj ankaŭ la milita strategiisto Sun Wu [vu], kiuj influis multajn postajn generaciojn.

## La Unua Imperiestro kaj lia imperio

En 221 a.K. la regnestro Ying Zheng [jing ĝeng] (259-210 a.K.) de la regno Qin [ĉin] konkeris la aliajn regnojn, interbatalantajn jam pli ol 250 jarojn, kaj tiel li metis la finan punkton al la periodo de Militantaj Regnoj. Li fondis la dinastion Qin – la unuan unuecan, centrisman, multnacian kaj feŭdisman imperion en Ĉinio kaj nomis sin Qinshihuang [ĉinŝihuang], kio signifas "la unua imperiestro de Qin". Li unuigis la monsistemon, skriblingvon kaj mezursistemojn, grave kontribuante al la disvolviĝo de la ekonomio kaj kulturo de Ĉinio. La strukturo de la feŭdisma ŝtato fondita de li estis imitata dum pli ol 2000 jaroj! Por bari entrudiĝon de la nomadaj popoloj norde de la imperio, li mobilizis pli ol 300 mil homojn por konstrui (dum pli ol dek jaroj) la Grandan Muron. Oni daŭrigis la konstruadon de la Granda Muro ankaŭ en la sekvantaj dinastioj kaj fine la rezulta longo de la muro superis 6700 kilometrojn. Nelonge post sia surtroniĝo li jam konstruis por si luksegan maŭzoleon. En 1974 oni trovis lian gigantan "subteran gvardion", kiu konsistis el pli ol 8000 terakotaj (4) militistoj, ĉevaloj kaj milităroj samgrandaj kiel veraj (rigardu la foton)!

## La dinastio Han (206 a.K-220 p.K) kaj la Granda Silka Vojo

En 206 a.K. estis fondita la potenca dinastio Han – dum tiu tempo agrikulturo, metioj kaj komerco en Ĉinio multe progresis, kaj la loĝantaro atingis 50 milionojn. La regperiodo de la imperiestro Liu Che [liŭ ĉe] (regis 140-87 a.K) estis la plej prospera tempo de la dinastio – dum tiu tempo la teritorio de Ĉinio etendiĝis ĝis Mez-Azio. Li ekhavis internaciajn kontaktojn kun la mezaziaj landoj kaj malfermis la Grandan Silkan Vojon, kondukantan de la tiama ĉefurbo Chang-an [ĉang-an] (la nuna Xi-an [ŝji-an]) al Mez-Azio kaj la orienta bordo de Mediteraneo. Tra tiu vojo multe da ĉina silko estis portita al la Okcidento, kaj diversaj novaj vegetaĵoj (vinberoj, akvomelonoj, kukumoj k.a.) estis alportitaj en Ĉinion. En la unua jarcento en Ĉinion estis enkondukita budhismo, kaj en la jaro 105 ŝtatoficisto Cai Lun [caj lun] inventis la teknikon de paperfarado, bazitan sur la popola sperto.

## La prospera dinastio Tang (618-907)

Post la dinastio Han, Ĉinio longtempe spertis disiĝadon, kaj poste – la periodon de Tri Regnoj, dinastion Jin [ĝin], Sudan kaj Nordan dinastiojn kaj dinastion Sui. Dum tiu tempo impete progresis la ekonomio en la sudo, kaj intensiĝis la interfluo kaj kunfandiĝo de la nacioj. Rapide disvastiĝis budhismo kaj taoismo, kaj la ŝtona kavernaro kun multaj gravuraĵoj kaj skulptaĵoj de Dunhuang estis reprezenta verko de tiutempa skulptarto.

En 618 estis fondita la dinastio Tang, kaj la filo de ĝia fondinto (regis 626-649), faris serion de saĝaj politikaj decidoj, kio puŝis la feŭdisman Ĉinion al la kulmino de disvolviĝo: multe evoluis agrikulturo, metioj kaj komerco; progresis ankaŭ teksumado, tinkturado, ceramiko, metalurgio kaj ŝipfarado. Aperis densa reto de akva kaj tera trafiko, kaj en la mezo de la sepa jarcento la regado de Ĉinio atingis multajn partojn de Mez-Azio. Ĉinio starigis vastajn ekonomiajn kaj kulturajn kontaktojn kun Japanio, Koreio, Hindio, Persio kaj la arabaj landoj.

## Dinastioj Song, Yuan, Ming kaj Qing (960-1911)

Post la falo de la dinastio Tang, Ĉinio dividiĝis en dek sendependajn landojn, kaj sekvis kvin dinastioj plenaj de milito. En 960 estis fondita la dinastio Song (960-1279), kiu konsistis el la Norda kaj Suda dinastioj, unu post la alia. Dum la Suda dinastio Song, la kortego translokis la ĉefurbon suden kaj disvastigis tie la avangardajn ekonomion kaj kulturon de la nordo. Astronomio, teknologio kaj presarto de la dinastio Song pioniris en la mondo, kaj la monotipa presilo de Bi Sheng [bi ŝeng] estis 400 jarojn pli frua ol tiu en Eŭropo.

En 1206 Ĝingis-Ĥano fondis la Mongolan Imperion; pli poste lia nepo entrudiĝis en la mezon de Ĉinio, fondis en 1271 la dinastion Yuan [jŭan] (1271-1368) kaj prenis Pekinon kiel ĉefurbon. Tiel li finis kelkcentjaran regadon de pluraj potencoj kaj unuigis la tutan landon.

Dum la dinastioj Song kaj Yuan, la kvar grandaj ĉinaj inventaĵoj (paperfarado, presarto, kompaso kaj pulvo) disvastiĝis al multaj lokoj de la mondo kaj tiel kontribuis al la monda civilizacio. En 1275 italo Marco Polo venis al Ĉinio kaj reiris hejmen post 17 jaroj, kaj dum pluraj jarcentoj eŭropanoj ĉerpis el liaj "Vojaĝnotoj" informojn pri Ĉinio specife kaj Azio ĝenerale.



En 1368 en Nankino (centr-oriente) estis fondita la dinastio Ming (1368-1644). Kiam la filo de ĝia fondinto (1360-1424)

heredis la tronon, li komencis grandskalan konstruadon de muregoj kaj palacoj, kaj translokis la ĉefurbon al Pekino en 1421. Dum lia regado, la ĉina floto plurfoje vizitis multajn sudorient-aziajn landojn, trairis la Hindan Oceanon, Persan Golfon kaj Maldivojn, kaj fine atingis Somalion kaj Kenjon de orienta Afriko. Tio estis la plej grandskala kaj plej longa aventura "antaŭkolumba" navigado.

En la posta periodo de la dinastio Ming, en la nordoriento de Ĉinio rapide kreskis la manĉura nacio; en 1644 ĝi fondis la dinastion Qing [ĉing] (1644-1911) kaj prenis Pekinon kiel ĉefurbon. La plej eminenta ĝia imperiestro Kangxi [kangŝji] (regis 1661-1722) reprenis Tajvanon kaj baris la invadon de la cara Rusio. Li fortigis la administradon super Tibeto kaj ellaboris serion de reguloj kaj sistemoj, laŭ kiu la centra registaro havis finan decidpovon en nomumo de regantoj de Tibeto. Dum lia regperiodo la teritorio de Ĉinio areis 11 milionojn da kvadrataj kilometroj (nun 9,6 – Red.).



# La Troja Milito: aliflanke de la mito

*Olivier Gaudefroy, Francio*

Ĉiuj ni pli-malpli konas la rakonton pri la Troja Milito dank' al la verkoj de Homero – *La Iliado* kaj *La Odiseado.* Laŭ tiuj ĉi verkoj, la milito inter la **helenoj** kaj la trojanoj okazis pro la forŝtelo de la bela Heleno, reĝino de Sparto, fare de la troja **princo** Pariso. Longan tempon oni opiniis, ke tiu milito estis nur elpensaĵo de Homero – li ja verkis pri tio, kio supozeble okazis antaŭ 450 jaroj! Sed la **arkeologia**j esploroj sukcesis komence trovi la urbon Trojo, kaj la hodiaŭaj historiistoj konsentas, ke la urbo ja estis **sieĝita** kaj sendube prenita de la grekoj. La germana arkeologo Heinrich Schliemann* [hajnriĥ ŝliman] post 20 jaroj da elfosado (inter 1871 kaj 1890) trovis la urbon, kies **ruinoj** datiĝas de 3000 antaŭ Kristo ĝis 500 post Kristo. Tiu ĉi urbo situis en Anatolio, la nuna Turkio. Arkeologio pruvis la ekziston de naŭ urboj. Tiu, kiu interesas nin, estas la Trojo VII, la pli riĉa, pli mult-homa – la sama legenda Trojo, kiu malaperis en 1250 a.K. Kaj ĝuste en la Trojo VII oni malkovris post-signojn de gravaj detruoj kaj krome – armilojn, kapvestojn kaj ujojn similajn al tiuj de la homeraj tempoj! Tiel la **mito** fariĝis realo!

Trojo riĉiĝis pro tio, ke ĝi regis Dardanelojn (la mar-kolon inter la Marmora kaj Egea Maroj) – necesan vojon por la ŝipoj, kiuj navigis inter Mediteraneo kaj la Nigra Maro. Preni Trojon signifis eksplodigi tion, kio limigas la fluon de varoj. Verŝajne, tio malplaĉas al **romantikuloj**, sed la Troja milito havis ekonomiajn, kaj tute ne heroismajn kialojn... Arkeologiaj elfosaĵoj montris, ke la urbo estis ĉirkaŭita de muregoj – kaj tio klarigas, kial la milito daŭris longajn dek jarojn! La helenoj ne povis senigi Trojon je akvo, ĉar ene de ĝi estis multaj profundaj akvofontoj. Plie, dank' al siaj amikoj la urbo ricevadis necesajn manĝaĵojn. Do, la "forrabo" de la bela Heleno estis nur la **preteksto** por akiri la riĉaĵojn de la urbo kaj la regadon de la dardanelaj akvoj.

Kaj se la urbo estis tiel bone protektata, kio do kaŭzis ĝian falon? Ĉu vere ekzistis la fama ligna ĉevalo, elpensita de Uliso?.. La respondon al tiu ĉi demando oni, verŝajne, neniam trovos. Sed kion oni ja scias, estas ke la trojanoj havis iaspecan **kulton** de ĉevalo. Ĉu Uliso uzis tiun kredon unue por konstruigi la ĉevalon, kaj poste por kredigi al la trojanoj, ke la helenoj foriris, lacaj pro la senfina milito? Povas esti, ke la helenoj kredigis al la trojanoj, ke ili lasis la lignan ĉevalon apud la marbordo kiel **oferon** al Pozidono, la dio de la oceano, por tiel havigi al si senprobleman revenon hejmen, dum efektive la ĉevalo kaŝis en si la helenajn militistojn. La post-sekvoj estas konataj: la troja reĝo Priamo alportis la ĉevalon en la urbon, la helenoj nokte eliris el la ĉevalo kaj ruinigis Trojon. Tamen, oni povas kredi ankaŭ, ke la muregoj de Trojo falis pro ter**tremo**, kio ebligis al la helenoj eniri. Cetere, ĝuste ĉevalo estas la besto de Pozidono (laŭ la helenaj mitoj, Pozidono kreis ĝin!); krome, laŭ la helenaj kredoj, Pozidono respondecas ankaŭ pri la tertremoj!

* Germana arkeologo (1822-1890), kiu malkovris la ruinojn de Trojo. Kvankam bonŝanca, li tute ne estis profesia arkeologo, kaj pro tio oni multe **kritikis** lin: dum la elfosadoj multo perdiĝis kaj ruiniĝis.

**arkeologio (arkeologo)** – scienco pri artoj de malnovegaj tempoj
**heleno** – greko en malnovegaj tempoj
**kritiki** – elmontri mankojn de io
**kulto** – sistemo de agoj por montri sian respekton al dio(j)
**mito** – fabelo, ofte bazita sur realo
**ofero** – donaco al di(aĵ)oj
**preteksto** – ŝajna kialo, por kaŝi la veran
**princo** – filo de reĝo
**romantikismo** – literatura skolo de la 19-a j.c., en kiu sentoj ludis pli gravan rolon, ol faktoj
**ruino** – restaĵo (ekz., de urbo)
**sieĝi** – ĉirkaŭi (ekz., urbojn) kaj tiel senigi ĝin je akvo, manĝaĵoj ktp. por poste preni ĝin
**tertremo** – fortaj moviĝoj de la tero








# La Granda Moravio

*Marek* Blahuš *kaj Dáša* Chvátalová, *Ĉeĥio*

La Grandmoravia* regno estis ŝtato de okcidentaj slavoj, kiu ekzistis en la teritorio de la hodiaŭaj Moravio (la orienta parto de Ĉeĥio) kaj Slovakio inter la jaro 833 kaj la komenco de la 10-a jarcento. Ĝi estis la unua konsiderinde granda slava regno, kaj nuntempe oni konsideras ĝin "antaŭulo" de la nuntempaj kaj Ĉeĥio, kaj Slovakio. Kvankam la Grandmoravia regno relative baldaŭ disfalis, ĝi tamen estis alte disvolviĝinta ŝtato kaj fariĝis la okazejo de multaj historiaj eventoj, kiuj tre klare enskribiĝis en la historion de la tuta slavaro kaj danke al kiuj la grandmoravia kultura heredaĵo speguliĝas eĉ hodiaŭ en la vivo de pluraj slavaj nacioj.

Pro la ekspansiema politiko de siaj estroj, la influsfero de la Grandmoravia regno etendiĝis al vastaj areoj de meza Eŭropo. En la 880-aj jaroj estis en ĝi ne nur la historia kerno ĉe ambaŭ flankoj de la rivero Moravo, sed ankaŭ la plejmulto de la hodiaŭaj Slovakio kaj Ĉeĥio (do ankaŭ Bohemio, kiu senpere najbaris la ĝermanojn), suda parto de Pollando (inkluzive de Krakovo), la slavaj triboj vivantaj apud la rivero Saale en hodiaŭa Germanio, partoj de Malsupra Aŭstrio (norde de Danubo), Panonio (nuna Hungario, ĝis Balatono) kaj Galicio (regiono dividita inter Ukrainio kaj Pollando, ĝis la urbo Uĵgorod en nuna Ukrainio).

## Malnovslava Esperanto?

Per sia situo, la ĉeĥaj gentoj, loĝantaj tuj apud Frankujo kaj najbaraj al bavaroj kaj saksoj, fakte baris la ĝermanan ekspansion en la internon de la slava teritorio. La franka influo tamen penetradis tien de la okcidento – per disvastigado de la kristana ideologio. La slavaj gentestroj favoris ĝin kiel helpilon al la feŭdiga procedo, sed samtempe ĝi estis por ili ĝena fremdpotenca influo, alportata de la frankaj pastroj. Ĉe la mala flanko, sudoriente de Granda Moravio, situis la Bizanca imperio, kies imperiestro estis reprezentanto de la orienta branĉo de kristanismo. Tial la grandmoravia reganto – princo Rastislav – en la jaro 863 petis la bizancan imperiestron Mikaelon la Trian, ke li sendu en Moravion taŭgajn disvastigantojn de la kristana ideologio, kiuj prediku en lingvo komprenebla al la slava loĝantaro kaj kiuj samtempe ne minacadu lian pozicion, kiel faris la frankaj pastroj.

Al la bizanca imperiestro plaĉis la ideo plifortigi sian influon, kaj tial li tuj reagis sendante en Moravion du misiistojn – klerulajn fratojn Konstantenon kaj Metodon, kiuj devenis de la slava ĉirkaŭaĵo de la urbo Saloniko, Grekio. La lingvoj de la unuopaj slavaj triboj jam tiam diferencis, kaj por povi efike prediki kaj disvastigi la kredon oni ja bezonis lingvon, komprenatan de ĉiuj. Tial Konstanteno (la filozofo), surbaze de la slavaj dialektoj de sia patrujo, kreis novan artefaritan lingvon, kiun nun oni nomas la malnovslava. Jam en la naŭa jarcento ĝi fakte fariĝis "slava Esperanto", t.e. lingvo, per kiu eblis prediki al ĉiuj grandmoraviaj slavoj, malgraŭ tio, ke ili parolis diversajn dialektojn. Plie, ĉar la slavoj ankoraŭ ne havis alfabeton, kaj la greka skribsistemo ne tute taŭgis por la slava fonetiko, la misiistoj kreis laŭ la minusklaj literoj de la greka alfabeto ankaŭ la unuan alfabeton por la slavoj – la glagolicon. Poste, uzante la novkreitajn lingvon kaj skribsistemon, ili komencis traduki liturgiajn kaj aliajn tekstojn, kaj tiel ili metis fundamenton al la slava literaturo. La plej konata liturgia verko de tiu ĉi epoko estas la unua slava traduko de la Biblio kune kun ĝia versa antaŭparolo *Proglas*, kiu celis defendi antaŭ la latinlingva legantaro la neceson prediki al la paganaj slavoj per lingvo komprenata de ili. Inter la tradukitaj civilaj tekstoj elstaras la unua slava leĝaro *Zakon sudnyj ljudem*, verkita fare de Metodo (la juristo).




## La kvara liturgia lingvo

La slava misio en Granda Moravio floris, la liturgio pere de la novkreita lingvo disvastiĝadis, kaj la misiistoj ankaŭ rapide sukcesis varbi por si novajn disĉiplojn. Jam post kvar jaroj, post interkonsento kun la princo Rastislav, la fratoj vojaĝis en Romon, por peti de la Papo oficialigon de sia agado kaj subtenon por la uzo de la novkreita lingvo kiel liturgia lingvo. En la jaro 868 ili finfine sukcesis, kaj la malnova slava fariĝis la kvara oficiale agnoskita liturgia lingvo, apud la latina, la greka kaj la hebrea (ilia nombro, cetere, ĝis la 20-a jarcento ne pligrandiĝis). Atinginte tion, Metodo revenis en Moravion, dum Konstanteno restis en Romo, kie li eniris monaĥejon, akceptis la nomon Cirilo kaj baldaŭ poste mortis. Lia frato plu aktivis en Granda Moravio, sed pro daŭraj konfliktoj inter la slava kaj la latina liturgioj kaj ankaŭ ĝenerale inter la orienta kaj okcidenta branĉoj de la kristana eklezio, li devis denove vojaĝi en Romon por defendi sin antaŭ la Papo. Tiu denove esprimis sin favore, kaj en la jaro 880 li eldonis signifan buleon *Industriae Tuae*. Per tiu ĉi dokumento la Papa Seĝo agnoskis la signifon de slavaj misioj por la disvastigado de sia propra influo, aprezis la specialan pozicion de Metodo kaj nomumis lin estro de novstarigata sendependa Grandmoravia ĉefepiskopejo.

Multnombraj, senĉese malkaŝataj novaj arkeologiaj trovaĵoj sur la Grandmoravia teritorio plu atestas pri alta kulturnivelo de la antikvaj moravianoj. La malkovraĵoj montras, ke ili mem kapablis produkti instrumentojn, ilaron bezonatan por plugado kaj metioj, hejmajn uzaĵojn kaj ankaŭ armilojn kaj batalvestojn. Ĉio atestas pri iliaj bela gusto kaj kultureco en sinvestado, hararanĝado kaj elekto de juveloj. La negocistoj kaj metiistoj utiligadis sekurecon de vastaj kastelaroj ĉirkaŭitaj de sistemo de fortikaĵoj – en tiuj ĉi urboj koncentriĝis la politika kaj ekonomia potenco de la regno**.



Cirilo kaj Metodo

## Kial venkis la latina?

Ne multo estas konata pri la detaloj de la disfalo de Granda Moravio kaj pri la evoluo en ĝia teritorio en la deka jarcento. Tamen komence de la 11-a jarcento, post kelkjara regado de la pola regnestro Boleslavo la Unua, la okcidenta parto de la kerna teritorio (hodiaŭa Moravio) fine aldoniĝis al Bohemio kaj iĝis por jarcentoj regata fare de la gento de Pœmyslidoj, dum la orienta parto de la landokerno (hodiaŭa Slovakio) estis konkerita fare de la hungaroj. Tio fakte signifis venkon de la okcidenta latina influo, kaj pro tio la hodiaŭaj ĉeĥoj, slovakoj kaj poloj, kvankam slavoj, uzas la latinan alfabeton kaj apartenas al la katolika eklezio. Post la venko de la latina liturgio, la malnovslavlingvaj monaĥoj estis aŭ bruligitaj, aŭ elpelitaj. Iliaj disĉiploj transloĝiĝis en hodiaŭan Bulgarion kaj evoluigis tie laŭ glagolico kaj la majusklaj grekaj literoj la cirilan alfabeton, kiun hodiaŭ uzas ses slavaj lingvoj (la belorusa, la bulgara, la makedona, la rusa, la serba kaj la ukraina) kaj multaj aliaj lingvoj de la eksa Sovetio.

Pro siaj meritoj, Konstanteno kaj Metodo fariĝis patronoj de Eŭropo kaj sanktuloj de la katolika kaj ortodoksa eklezioj, al kies disvolvigo ili grave kontribuis. Rememore al ili, la kvina de julio – la tago de Konstanteno kaj Metodo – estas nun nacia festo kaj en Ĉeĥio, kaj en Slovakio.

* la nomo Moravio (nacilingve *Morava*) devenas de la samnoma granda ĉeĥa rivero, kiu trairas tiun regnon en ĝia mezo.
** verŝajne ekzistis pluraj dekoj da tiaj urboj, sed la solaj skribe menciitaj grandmoraviaj urboj estas tiuj en Staré Město (apud nuna urbo Uherské Hradiště), Nitra, Devín (apud Bratislavo), Bratislavo kaj Uĵgorod.

**Sur la bildo:** butono kun simbolo de falkisto, trovita en grandmoravia tombo en Staré Město.

# Neniu estu forgesita...





Facila

*Vladimir Lemelev, Rusio*

Ĉiun trian dimanĉon de majo okazas la Tutmonda Memortago pri Mortintoj pro Aidoso – nuntempe ilia nombro proksimiĝas al 30 milionoj, kaj ĉiujare tiu ĉi nombro pligrandiĝas je pliaj tri milionoj. La 15-an de majo ĉi-jare la Memortago estis aranĝita en Moskvo. Same kiel pasintjare, al la placo alvenis multaj, precipe junaj, homoj; ĉeestis ankaŭ pluraj raportistoj. Multaj ĉeestantoj portis sur siaj vestaĵoj la simbolajn ruĝajn **rubandetojn** kaj tenis en la manoj **kandelojn**. Denove estis multaj paroladoj de la organizantoj, **pastro**, HIV*–**infektito**, studantoj, reprezentanto de la Monda Organizaĵo pri Sano... Oni parolis, ke hodiaŭ aidoso ne plu estas malsano de nur **marĝenuloj** – ni ĉiuj estas endanĝer-igitaj. La registaro de Rusio devas pli atenti tiun seriozan problemon, ĉar nuntempe en Rusio la nombro de HIV–infektitoj, nur laŭ oficialaj informoj, estas pli ol 300 mil, sed reale certe superas unu milionon. Necesas urĝa kuracista helpo al ĉiuj infektitoj, plejmulto de kiuj ne povas aĉeti la modernajn kuracilojn.

Malsame de la pasinta jaro, ĉi-jare al ĉeestantoj estis prezentitaj fragmentoj de la ekspozicio Tutmonda Peplomo, kies plena ekspozicio okazis en la ĉefa moskva ekspoziciejo en aprilo. La unua ekspozicio de memorigaj **toloj** okazis en 1987 en Vaŝingtono (Usono) – tiam estis ekspoziciita grandega ŝtofaĵo, kudrita el multaj miloj da memorigaj toloj, ĉiu el kiuj estis dediĉita al mortinto pro aidoso (peplomo estas, laŭvorte, lit-kovrilo farita el pecoj de ŝtofo). La unua vojaĝanta ekspozicio de la Tutmonda Peplomo okazis en Bangkoko (Tajlando), somere 2004, dum la 15-a Internacia **Konferenco** pri HIV/Aidoso, kaj nuntempe la ekspozicioj de la Peplomo okazas en multaj landoj.

La memorigajn tolojn kudradas parencoj, amikoj de mortintoj kaj simple kompatemaj homoj, por ke la memoroj pri mortintoj de aidoso neniam malaperu. Sur la kolor-riĉaj memorigaj toloj oni povas legi la nomojn, aĝojn, profesiojn de la mortintoj. Multaj toloj enhavas poemojn, desegnaĵojn, kortuŝajn leterojn, dediĉitajn al la amataj personoj, mortintaj pro aidoso. Oni ne povas senpartie preterpasi la memorigajn tolojn de la ekspozicio; multaj vizitantoj ploris... Simplaj kaj elkoraj vortoj sur la memorigaj toloj – "al amata patrino", "ni memoras vin", "ĉiam kredi je boneco kaj ami, Nina" ktp. – naskas en la koroj ne nur la sentojn de doloro, sed ankaŭ la kredon je bonkoreco, homfrateco, unueco... La konataj vortoj – "Neniu estas forgesita" ekhavis tie por multaj ian personan sencon.

La Tutmonda Peplomo en Moskvo konsistis el 20 partoj memore al mortintoj pro aidoso en Afriko, Azio, Ameriko, Aŭstralio kaj Orienta Eŭropo (kvar partoj estis por la mortintoj pro aidoso en Rusio). Antaŭ la malfermo de la ekspozicio, la organizantoj kaj ĵurnalistoj paroladis pri ĝiaj celoj – edukado pri toleremo en la socio, kontraŭagoj al **diskriminacio** rilate HIV-infektitojn, neceso de unuigo de la homaro en la batalo kontraŭ aidoso...

La ekspozicio estis bone organizita – konstante ĉeestis studantoj kaj gelernantoj, kiuj rakontis al vizitantoj pri la ekspozicio, bonkore respondis demandojn, helpis... Estus bone, ke pli multe da homoj, precipe gejunuloj, vizitu la similajn ekspoziciojn, kiuj estas vere bona rimedo kontraŭ diskriminacio kaj **indiferenteco**!

La ekspozicion organizis la Rusia Amas-Komunikila Partnereco en la Batalo Kontraŭ HIV/Aidoso kaj la rusia movado "Imena" ("Nomoj"), dank al subteno de Transatlantikaj Partneroj Kontraŭ Aidoso kaj de aliaj organizaĵoj kaj privataj personoj.

* HIV – homa imunonesufiĉestiga viruso – **viruso**, kiu kaŭzas aidoson

**diskriminacio** – sub-premo de iu grupo fare de alia
**indiferenteco** – montro de neniu intereso
**infekto** – eniro de viruso en la korpon
**kandelo** – (kutime) longa aĵo, kiu povas bruli dum sufiĉe longa tempo por lumi
**konferenco** – renkontiĝo de fakuloj (sciencistoj)
**marĝenuloj** – homoj, puŝitaj al la rando de la socio (ekz: malriĉuloj ktp.)
**pastro** – estro en preĝejo
**rubando** – longa kaj mallarĝa peceto de ŝtofo
**tolo** – peco de ŝtofo
**viruso** – tre eta vivulo, kiu kaŭzas malsanojn





# Gvidlibro pri... E-libroj!

***Skizo de la Esperanta literaturo.* Eduard V. Tvarožek. Espero: Bratislava. 92 paĝoj (2-a eld.), 2004.**

*Paŭlo Moĵajev, Ukrainio*




La relativa riĉeco de la Esperanta literaturo estas samtempe plago kaj beno por la esperantista komunumo. Beno, ĉar neniu alia planlingvo povas fanfaroni pri tiom diversgenra literaturo, ĉar grandega kvanto de romanoj, fabeloj, noveloj kaj aliaj literaturaĵoj originalaj aŭ tradukitaj estas bona pruvo pri esprim-riĉeco kaj viveco de la lingvo, fidinda garantio de ĝia unueco kaj evolu-povo. Plago, ĉar konatiĝo eĉ kun ĝia malgranda parto postulas sufiĉe multe da penoj, kaj tiom alta turo de E-libroj povas eĉ fortimigi la eventualan leganton. Tamen, necesas ja agnoski, ke konoj pri la Esperanto-kulturo ĝenerale kaj literaturo aparte estas esence gravaj por ĉiu esperantisto, kiu pretendas esti ne nur uzanto de la lingvo, sed ankaŭ portanto de ĝiaj ideoj kaj valoroj.

Tial estas tre bone, ke ekzistas diverstipaj "gvidiloj" tra Esperanta literaturo, helpantaj orientiĝi en la libra universo. Dank' al ili, krom ricevi ĝeneralajn sciojn pri diversaj libroj kaj aŭtoroj, scivolema legonto povas pli rapide elekti legaĵojn laŭ sia gusto. Vere tre bona ekzemplo de tiaj "gvidiloj" estas "Skizo de la Esperanta literaturo" kreita de fama slovaka esperantisto E. Tvarožek. La libro per tre facila stilo rakontas pri la historio de la Esperanta literaturo ekde ĝia naskiĝo ĝis proksimume la mezo de la 1990-aj jaroj. Sume estas prezentitaj pli ol 150 aŭtoroj! Pri ĉiu el ili eblas trovi la ĝeneralajn sciigojn (nacieco, profesiaj okupoj, vivojaroj), plej gravajn literaturajn atingojn kaj, se estas, eksterliteraturajn movadajn aktivaĵojn. La spaco, dediĉata al la apartaj aŭtoroj, estas proporcia al ilia graveco, kelkaj disponas nur pri kelklinia priskribo, dum meritoj de la aliaj estas prezentitaj en pli ol unu paĝo. Preskaŭ ĉiam eblas trovi ankaŭ kritikajn pritaksojn, faritajn de la kompilinto (kio estas ja afero foje subjektiva, sed same helpas orientiĝi pri la aŭtoroj kaj iliaj kreaĵoj).

La libro estas dividita je kelkaj ĉapitroj konforme al periodigo de la E-literaturo. Aparte estas prezentitaj la E-aŭtoroj el Ĉeĥio kaj Slovakio, superrigardo pri Esperantaj literaturaj revuoj. Fine troveblas listo de literaturaj fontoj kaj oportuna nom-listo de la menciitaj aŭtoroj. Malgraŭ tio, ke la skizo estas verkita per tute neenciklopedia stilo (ĝi legeblas tre flue kvazaŭ iu historia novelo pri E-literaturo), ĝi estas uzebla ankaŭ kiel malgranda, sed oportuna manlibro. La lingvaĵo estas preskaŭ senriproĉa, se ne konsideri la sisteme uzatan misformon "aliu" anstataŭ "alia".

Mi certas, ke tiu ĉi bone eldonita helpilo estos ege interesa kaj utila por ĉiu esperantisto, interesiĝanta pri la historio kaj kulturo de nia lingvo.

### Ĝustigo

En Kontakto 205 (2005:1), p. 17, en la recenzo de la libroj "Saturno" kaj "Celakantoj" de Jorge CAMACHO, enŝteliĝis eraro. La recenzinto skribis, ke la versoj en "Saturno" estas akompanataj de iliaj tradukoj hispanen". Sed fakte temas ne pri "tradukoj", sed pri dulingvaj poemoj, do verkitaj samtempe en Esperanto kaj en la hispana. El 54 poemoj nur sep estis verkitaj en Esperanto kaj tradukitaj hispanen, kaj kvin inverse – unue en la hispana kaj poste traduke en Esperanton; la ceteraj 42 estas verkitaj originale en la du lingvoj.

# Nobel-premio por la Esperanto-movado?..

*Renato Corsetti, Italio*

**Multaj esperantistoj tute prave diras: ne! Niaj avoj kaj niaj patroj rajtis, ĉar ili savis homojn dum militoj kaj faris similajn aferojn. Sed ni, kion ni faras, kion faras la oficiala Movado?**

Se vi petos iujn esperantistojn veni kaj kunlabori pri io, la respondo ofte estas: "Ĉu vi pagas salajron? Mi ne havas tempon por nepagataj noblaj agoj!" aŭ "Mi ne povas, ĉar mi devas ekspluati la Esperanto-parolantaron, dormante senpage ĉe ili per Pasporta Servo. Mi ne povas fari movadecajn aferojn!" aŭ "Mi estas superteknikisto kaj mi estas plene okupata legi mian ekranon" aŭ "Mi estas raŭmisto, kaj mi interesiĝas nur pri poemoj, kaj inter tiuj ĉefe pri tiuj, kiujn mi mem verkis. Mi, do, kontribuas per riĉigado de la Esperanto-kulturo. Mi ne havas tempon por io tia. Aliaj faru! UEA faru, sed lasu min en paco!"

Mi konsentas, ke ĉi tiu estas iom (sed ne vere tiom) troigita prezento, sed tiel mi perceptas la aferon. Nu, ne gravas, mi alvokas ĉi tie nur al la kuraĝaj kaj idealismaj membroj de la komunumo. Antaŭ kelkaj jaroj mi iniciatis agadon, kiu turniĝus ĉirkaŭ la listo <hiwar-al-hadharat-interciviliza-dialogo@yahoogroups.com>, kiu volis esti loko de interŝanĝoj de ideoj inter anoj de malsamaj civilizacioj en la esperantista spirito de toleremo, scivolemo kaj akceptemo. La listo estas malfermita al neesperantistoj kaj oni rajtas skribi en kiu ajn lingvo. Multetaj esperantistoj aliĝis, sed neniu ĝis nun pretas fari la organizan laboron: trovi la kunparolantojn, allogi interesajn neregistarajn asociojn ktp. Se vi estas kuraĝa kaj idealisma, kontaktu min.

Alia branĉo mortnaskita estis la klopodo trovi tekstojn en ĉiuj religioj, kiuj alvokas al toleremo kaj paco kaj eldoni ilin (Vinko Oslak estis unu el la kunproponintoj), sed neniu esperantista religia faka asocio iel ajn montris intereson.

Plia projekto estas la listo "islama kulturo en Esperanto", kiu vivetas.

Se vi interesiĝas pri unu el tiuj aferoj kontaktu min: <renato.corsetti@esperanto.org>, sed bonvolu skribi nur se vi volas konkrete helpi. Se vi volas klarigi al mi, kial la afero ne eblas aŭ kial via civilizacio estas la plej bona, bonvolu rezigni.

Kial mi skribas ĉi tion en ĉi tiu numero? Ĉar ĝi estas forta kritiko pri unu civilizacio, kiu produktis tiom da bonaĵoj en sia historio, sed nun ŝajne igis siajn anojn perdi la esperon, ke ili vere unuope gravas, kaj ke ili povas ŝanĝi ion. Se io ŝanĝiĝas, pri tio zorgas niaj bombaviadiloj...

***Viaj opinioj estas bonvenaj ĉe nia adreso (vd. kolofonon)! La redakcio ne respondecas pri opinioj de unuopaj aŭtoroj***

## Ĉu ni rajtas fariĝi gejoj?

Vladimir Ŝĉotkin, Rusio

En Rusio antaŭnelonge okazis oficiala registriĝo de "geedziĝo" inter du virinoj, kiu efektiviĝis pro tio, ke vestoj, aspekto, familinomo kaj nomo de la "viro" estis nedistingeblaj de tiuj de vera viro. Nu, pri tiu ĉi okazaĵo oni povas nur mire rideti, sed kia socia fenomeno kaŝas sin en ĝi kaj kiamaniere ni rilatu al tio?

Dum la lastaj jaroj en amaskomunikiloj pli kaj pli ofte aperas informoj, ke reprezentantoj de "seksaj malplimultoj" nun ne kaŝas sian seksan orientiĝon, deklaras pri siaj rajtoj kaj ke apartaj samseksaj partneroj eĉ deziras oficiale registri siajn rilatojn. Ankaŭ kelkaj reprezentantoj de la pastraro kaj eklezliularo anoncas siajn netradiciajn seksajn kutimojn, kaj ĝenerale la socia opinio rilate seksajn malplimultojn estas multe pli tolerema ol antaŭe. Bone, tiel statas la aferoj nun, sed turnu ni nin al la historio. En antaŭaj jaroj en iuj ŝtatoj oni persekutis samseksemulojn. Kial? Ĉar samseksemo ne konvenis al la moralaj vidpunktoj de la socio, t.e. ĝi ne konvenis al reguloj de morala konduto kaj homaj devoj rilate la socion.

Ĝenerale, ĉiuj nekutimaj seksaj rilatoj ekestas en fermitaj neordinaraj grupoj – armeo, malliberejoj, izolitaj societoj kun neegala kvanto de viroj kaj virinoj ktp. Sed kial ĝuste nun aperis tiom da homoj kun netradicia seksa orientiĝo? Pro demokratiiĝo de la nuna socio kaj disvastigo de informoj pere de amaskomunikiloj, netradiciaj seksaj rilatoj fariĝis objekto de publikigo, diskutado, tro akra intereso, scivolemo kaj... imitado. Aperis multaj junaj viroj kaj virinoj (kutime kun seksumaj kompleksoj), kiuj provis solvi siajn problemojn ekster tradiciaj sociaj kadroj. Aperis ankaŭ iuj tradiciaj familiaj paroj, kiuj dum siaj amikaj rilatoj kaj distroj komencis praktiki komunajn seksumajn interrilatojn por variece riĉigi sian vivon kaj komunajn intimajn rilatojn. Ludas sian rolon ankaŭ apartiĝo de homoj en la nuntempa socio kaj ofte aperanta neeblo realigi siajn fiziologiajn bezonojn en kutimaj seksrilatoj (timo gravediĝi, infektiĝi ktp.). La nuna moralo de ĉiopermeso kaj kiel postsekvo – nestabileco – detruas la tradiciajn familiojn.

La homo aperis sur la Tero antaŭ milionoj da jaroj, kaj nun treege prosperas biologie dank' al forta ĉelo de la socio – familio. Nur dum tradiciaj seksrilatoj inter viro kaj virino efektiviĝas la plej grava homa funkcio – nasko de gefiloj, kiuj ensorbas ĉiujn sociajn normojn de konduto, transdonas ilin al sekvaj generacioj kaj

efektivigas fortajn ligojn inter generacioj. Samseksemulaj interrilatoj estas senelirejo, seninfaneco, estas vojo al neniiĝo. Ĝi estas seksa kaprico, nur pretendo al reciproka amo, kaj deklaroj pri siaj rajtoj estas nur malplenaj esprimoj, danĝeraj por la socio pro la plimultiĝo de netradiciaj familioj, malaltiĝo de naskiĝkvanto kaj malrapida, nerimarkebla formorto, unuavice de eŭropaj popoloj. Tiu ĉi procezo abrupte akceliĝas, se demokratiaj ideoj kaj toleremo al samseksemuloj estas fiksitaj en leĝoj, kiuj agnoskas "homajn rajtojn por krei netradician familion". Nia naturo neniam agnoskos tiujn "rajtojn" kaj, povas esti, kruele punos la homaron pro difektiĝo de ĝiaj leĝoj.

Mi povas antaŭvidi kontraŭdiron: samseksemuloj estas pacemaj homoj, al neniu minacas kaj malhelpas, ili zorgas nur pri siaj amrilatoj ktp. Mi proponas rememori, kio detruas la tradician familion: alkoholismo, aidoso, narkomanio, psikaj kaj genetikaj malsanoj, neplenaj familioj, misa edukado (kiam herediĝas nekapablo krei propran tradician familion). Inter la supre menciitaj kialoj, la ideo mem pri kreo de surogata familio aspektas tute ne danĝere. Sed imagu, ke tiu ĉi ideo tre ekplaĉos al junularo, ricevinta plenan seksuman liberon. Ja iu ajn ideo povas fariĝi danĝera, se ĝi superos siajn ordinarajn limojn. En historio estis multe da tiaj ideoj – naciismo, komunismo, terorismo, hegemoniismo ktp. Do, la ideo fari surogatan familion en unufojaj eksterordinaraj okazoj ne estas danĝera, sed kiam ideo ekposedos popolajn amasojn helpe de nuntempaj amaskomunikiloj, ĝi povas fariĝi kataklisma por la socio.

Tiu ĉi procezo jam vigle efektiviĝas en Eŭropo. Samseksemuloj formas siajn grupojn, klubojn, muzik-ensemblojn, eĉ lernejojn ktp. Ĉi tie oni povus nur turni sin al samseksemuloj kaj alvoki ilin ne forgesi niajn naturajn inklinojn kaj rilatojn determinitajn de Dio por Adamo kaj Eva. Kiu forgesos tiujn leĝojn, tiu ne havos estontecon, ne akiros infanojn kaj do ne daŭrigos la vivon!

## "Ni ne ĝenu homan feliĉon kaj spiritan kontentecon pro materiismaj biologiaj dogmoj!"

Joel Amis, Usono

Kiel usonano naskiĝinta en la Sudoriento de la lando (ofte nomata "la Biblia zono" pro la tiea influo de kristana fundamentismo), mi alkutimiĝis aŭdi diversajn argumentojn kontraŭ la "samseksemeca vivstilo". Plej ofte tiuj argumentoj estas bazitaj sur la Biblio aŭ aliaj religiaj argumentoj. Sed neniam mi legis tiel amplekssan argumenton kontraŭ gejoj kiel la ĉi-supran. Tiu ĉi argumento sukcesas tute harmonie kunigi ideojn el soveta soci-scienco kun tiuj el konservativa kaj fundamentisma kristanismo – kun eĉ iom da arjanismo!

Sed, serioze, en la supra artikolo mi trovas mirigan kvanton de emociplenaj, senbazaj asertoj kaj timoplenaj, paranojaj prognozoj – kaj preskaŭ neniom da racio aŭ kono de la realo. Respondi al ĉiuj misaĵoj mi ja ne povas (ne sufiĉus paĝoj en la revuo!), sed jes al kelkaj.

Unue, D-ro Ŝĉotkin prenas kiel bazan supozon la tezon, ke samseksemo estas elekto libervola (ĉi tiu argumento estas, cetere, la plej populara inter fundamentismaj Protestantoj). Scienco kaj psikologio ne plu akceptas ĉi tiun ideon. Oni ja debatas, ĉu samseksemo estas denaska (t.e. genetika) aŭ ĉu ĝi rezultas el fruinfanaĝaj spertoj – sed tamen en ambaŭ kazoj temas ne pri io libervole elektita de plenkreska homo, sed pri io jam decidita. Se apliki iom da racio, tio montriĝas memevidenta: en socio, kiu ankoraŭ tre diskriminacias kontraŭ gejoj, kial iu libervole elektus tian sorton? Ĉu oni libervole elektus esti judo en nazia ŝtato?! Kompreneble ne. Gejo inklinas al la sama sekso ne ĉar tio estas "laŭmoda", sed ĉar tia li aŭ ŝi estas. Do restas al gejo nur tri vojoj: 1) malsincera, malfeliĉa vojo, t.e. edz(in)iĝi al aliseksa persono kaj aktori "tradician familion", 2) honesta, sed malfeliĉa kaj soleca vojo, t.e. dumviva fraŭl(in)eco kaj seksabstino (kion, cetere, rekomendas la Rom-Katolika Eklezio) aŭ 3) honesta, feliĉa vojo, t.e. krei monogamian partnerecon kaj vivi honeste – al la mondo kaj al si mem. Eble D-ro Ŝĉotkin aprobus la unuan eblon – sed ĉu vere indas starigi kondiĉon por postaj suferoj (t.e. seksuma kaj/aŭ emocia malkontenteco de unu aŭ ambaŭ geedzoj, kun eventuala divorco kaj suferigo al eventualaj infanoj ktp.) nur por konservi fasadon de "tradicia familio"?

Due, la artikolo, laŭ mi, tro emfazas la gravecon de infangenerado por homaro. Jes, estis epokoj, kiam tiu ĉi argumento certagrade pravus. Sed en la nuna mondo de elĉerpiĝantaj naturrimedoj, medipoluo kaj aliaj problemoj rezultantaj el la tro rapidega kresko de la monda loĝantaro, la aserto, ke la disvastiĝo de samseksemeco endanĝerigas la pluekziston de la homaro aspektas iom ridinda. Se argumenti de pure materiisma vidpunkto, oni povus eĉ argumenti, ke pli da samseksemeco necesas por bremsi la homarkreskegadon (sed vere, mi ja iam vidis seriozan argumenton, ke la Naturo kreis pli da samseksemuloj en la moderna tempo por iom bremsi la homarkreskon...). Efektive, malkresko de loĝantaro minacas nur unu mondoparton* – nome Eŭropon – sed tio rezultas ne de "populariĝo de samseksemo", sed simple de ekonomia progreso (mi mencias "arjanismon" en mia enkonduko – tiu ideo, ke samseksemeco kondukos al "nerimarkebla formorto, unuavice de eŭropaj popoloj", estas vualita arjanismo).

Krome, mi simple devas kontesti la aserton, ke nasko de gefiloj estas "la plej grava homa funkcio". Certe, naskiĝo de infano estas ĝojiga miraklo – tion mi neniel kontestas. Sed ĉu "la plej grava homa funkcio"? Diri tion signifas, laŭ mi, egaligi homojn kun brutoj. Homoj estas ankaŭ spiritaj estaĵoj, kies valoro dependas de pli ol biologiaj funkcioj. Ĉi tiu argumento sugestas, ke homoj, kiuj ne sukcesis naski infanojn (kaj, memoru, estas multaj senidaj homoj, kaj pli ofte ne temas pri gejoj!) estas iusence malkompletaj – do, laŭ tio, Jesuo kaj Johano Paŭlo la Dua estis malkompletaj homoj! (aŭ ĉu ankaŭ ili kontribuis al la detruo de la "tradicia familio"?).

Fine, mi trovas la komparon de samseksemeco kun "alkoholismo, aidoso, narkomanio, psikaj kaj genetikaj malsanoj" ne nur ekstreme misa, sed ankaŭ krude ofenda, kaj kun "naciismo, komunismo, terorismo" tute malkohera. Mankas ajna logika bazo al tiuj asertoj!

Tamen, denove, la plej frapa difekto en la argumentado de D-ro Ŝĉotkin estas la supozo, ke samseksemeco "populariĝos" kaj disvastiĝos ĝis ĝi plene anstataŭos la "tradician familion". Tio neniam okazos. Samseksemuloj ĉiam ekzistis kaj ekzistos – sed, aliflanke, aliseksemuloj ĉiam estis, estas kaj estos pli multaj. La "tradicia familio" ne malaperos – ĝi pluvivos paralele kun la ne tradiciaj. Mi certe konsentas, ke familio estas grava. Sed estas pli ol unu speco de familio – same kiel estas pli ol unu raso, lingvo aŭ religio. Ni strebu nutri kaj subteni familiojn, ĉu tradiciajn aŭ netradiciajn, kaj ne ĝeni homan feliĉon kaj spiritan kontentecon pro materiismaj biologiaj dogmoj, eksmoda soci-scienco aŭ rigidaj religiaj instruoj.

* estas tamen rimarkinde, ke malkresko de loĝantaro minacas ankaŭ Japanion, lando, kie "tradiciaj familioj" estas plej forte konservitaj kaj kie samseksaj paroj havas plimalpli neniujn publikajn rajtojn

Tre facila

# Bonan vesperton!

**Kutima** ponto **en la centro de Aŭstino fariĝis la plej granda urba vesperta "komun-loĝejo" en Norda Ameriko!**

*Ĵenja Amis, Ukrainio/Usono*

Mia unua "vesperta sperto" okazis kiam mi estis infano – tiam foje en nian loĝejon en Ukrainio en-flugis **vesperto**. Por el-igi la "vizitanton" mi kaptis ĝin. Mi neniam forgesos, kiel mi tenis tiun etan, nigran, timeman estaĵon, kaj la ĝojon de ĝia liberiĝo! La dua sperto okazis ĉi-somere, dum la landa Esperanto-kongreso en Usono, kie mi nun loĝas. Kiel ofte en Usono, la ĉef-urbo de Teksaso – Aŭstino – tute ne estas la plej granda urbo de la ŝtato (nur la kvara, kun 656,5 mil homoj). Sed ĉiu-jare Aŭstino fariĝas ankaŭ "vesperta ĉef-urbo", kiu loĝigas ĉirkaŭ 1,5 milionojn de tiuj bestoj!

Liber-**vostaj** meksikaj vespertoj *(Tadarida brasiliensis)* venas al Aŭstino ĉiu-printempe kaj foriras ĉiu-aŭtune, kaj ĉiujare naskiĝas en Aŭstino almenaŭ 750 mil vespert-idoj (la vespertoj, kiuj venas al la urbo, estas plej-parte inaj)! Interese, ke ĉiu ido grandas kiel triono de sia patrino, kaj la patrinoj trovas siajn idojn inter centoj da miloj de aliaj idoj laŭ iliaj sonoj kaj **odoroj**! Dum la tago vespertoj dormas en la ponto, kaj vespere ili foriras por kapti **insektojn**.

La aŭstinanoj amas siajn vespertojn – vi povas trovi bildojn de vespertoj ĉie, eĉ fama urba sport-klubo portas la vorton "vesperto" en sia nomo, kaj speciale por rigardi vespertojn centoj da homoj ĉiu-tage iras al tiu ĉi ponto! Nun eĉ mal-facilas kredi, ke aŭstinanoj ne ĉiam estis tiel amikemaj al la vespertoj. Kvankam tiuj ĉi bestoj ĉiam vivis en Aŭstino, en 1984 al la urbo venis multege pli da vespertoj, ol kutime. Ili trovis bonegan loĝejon en aŭstina ponto, kiu estis freŝe renovigita (ĉar homoj detruas iliajn naturajn loĝejojn, vespertoj devas serĉi aliajn lokojn por loĝi). Multaj urbanoj tiam ne komprenis, ke vespertoj estas utilaj kaj amikaj bestoj kaj ektimis, ke ili povas trans-doni malsanojn, kaj ĉiel provis el-igi la vespertojn el la urbo... Sed – feliĉe por la urbo kaj la vespertoj – en 1986 al Aŭstino venis la organizo Vesperta **Konservado** Internacia (*Bat Conservation International,* mallonge *BatCon*) kun ĝia fondinto Merlin Tuttle, kiu zorgas pri konservado de vespertoj ĉie en la mondo.



Ĝi komencis grandan eduk-laboron kaj sukcesis klarigi al aŭstinanoj, ke vespertoj portas neniom da malbono, kaj la bono de ilia ĉe-esto estas vere grandega – ili ja manĝas insekt-aĉojn kaj tiel helpas konservi plantojn (ili manĝas ĝis 15 000 kilogramojn da insektoj ĉiutage)! Kaj, krome, ankaŭ multaj homoj povas veni al Aŭstino speciale por vespertoj, kio donas al la urbo kromajn monon kaj laborojn! Tiu ĉi organizo ne nur edukas infanojn kaj plen-kresk-ulojn kaj eldonas diversajn informilojn – ĝi ankaŭ proponas konstrui propran vespert-loĝejon por ĉiuj, kiuj volas, ke vespertoj loĝu apud ili!

Ni, esperantistoj, alvenis al la ponto ĉirkaŭ la okan vespere. La "vespertaj tradukistoj" (tio estas la volontuloj de la *BatCon*, kiuj respondas diversajn demandojn pri vespertoj, dis-don-as informilojn kaj tiel plu) informis nin, ke la vespertoj foriros de la ponto je la 8:45, ĵus antaŭ la sun-sub-iro. Apud la ponto jam estis multaj homoj, kiuj – same kiel ni – volis vidi tiujn ĉi bestojn. Iuj eĉ portis nigrajn "vespertajn vestaĵojn"! Ni iom ĉirkaŭ-iris apud la ponto kaj povis aŭdi, sed ne vidi vespertojn. Je la 8:45 (kiel ili nur scias?!) la vespertoj ek-el-flugis. Komence aperis nur dekoj da vespertoj, kaj poste venis ĉiam pli kaj pli. Kaj fine la tuta ĉielo ŝajnis moviĝi kune kun la multegaj vespertoj! Se rigardi ilin longe foje ŝajnas ke tio estas ne vespertoj, sed iuj grandaj insektoj – ĉar ĝuste tiel, insekt-ece, ili moviĝas... La "elflugado" daŭris ĉirkaŭ duon-horon, kaj kun la el-flugo de la lastaj bestoj mi havis la senton, ke mi tra-vivis veran **miraklon**...

### <Rete>

Por ekscii pli pri vespertoj vizitu la retpaĝon de *BatCon* – <www.batcon.org>. Videoprezento pri vespertoj, kiun faris dum la kongreso Scott Redd, troveblas ĉe <http://ek2005.retservilo.com/>

La redakcio dankas *Bat Conservation International* pro la afabla disponigo de tiuj ĉi fotoj.

**figo** – dolĉa frukto
**insekto** – ĝenerale eta besto, ofte flug-pova
**konservi** – zorgi, ke io ne malaperu
**miraklo** – io ekster-ordinara
**odoro** – tio, kion el-igas, ekzemple, floroj
**ponto** – trans-ir-vojo
**vesperto** – (plej ofte) nigra besto (vd. fotojn)
**vosto** – la malantaŭa parto de la korpo de multaj bestoj

Fotoj: (supre) Vesperta elflugo en Aŭstino © Karen Marks, *Bat Conservation International;* (supre, meze) Meksika liber-vosta vesperto en flugo, Aŭstino © Merlin D. Tuttle, *Bat Conservation International;* (malsupre, maldekstre) Nov-naskitaj idoj de meksikaj liber-vostaj vespertoj, Aŭstino © Merlin D. Tuttle, *Bat Conservation International;* (malsupre, meze) Gambia (afrika) frukt-manĝanta vesperto kun **figo** © Merlin D. Tuttle, *Bat Conservation International;* (malsupre, dekstre) Latin-Amerika rond-orela vesperto kun insekto © Merlin D. Tuttle, *Bat Conservation International.*





